# BRAZILA ESPERANTISTO

Oficiala Organo de Brazila Esperanto - Ligo - 90ª Jaro - Nº 303 - Junio 1998

## *SERIO 1998: "PROVERBARO"*

*" Prapensoj kirlas min: ĉe oceano,*
*vivo eternas, tempo letargias,*
*kaj infinito eblas al mantuŝo."*

*G. Mattos*



***PROVERBOJ - MAKSIMOJ***
***AFORISMOJ - SENTENCOJ***
***PARADOKSOJ - DEVIZO***
***MOTO - AKSIOMO***

BRAZILA ESPERANTISTO

90-a Jaro - Junio 1998
N-ro 303 (trimonata) - Trimestral
Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo
SDS - Edif. Venâncio III, Sala 409
Brasília, DF
Caixa Postal 3625
70084-970 Brasília, DF (Brazilo)
Telefono (061) 226-1298
Fakso (061) 226-4446
Internet: bel@brnet.com.br
Hejmpaĝo: http://www.brnet.com.br/bel/bel
Kompostado, presado, Grafika aranĝo
Gráfica Altamisa
Eldonkvanto: 1500
Redaktantoj: S. - G. Ledon - CP 269
12460-000 Campos do Jordão, SP - (Brazilo)
Telefono-Fakso: (012) 262-1983
**La redaktantoj ne nepre konsentas kun la enhavo de subskribita artikolo**

BRAZILA REVUO ESPERANTISTA
Fondita en 1907
BRAZILA ESPERANTISTO
Fondita en 1908
de Alberto A. Vieira
Reynaldo Geyer
Everardo Backheuser
Pri abonprezo, anonctarifo k.c.
skribu al BEL
Pri kunlaboraĵoj k.c. skribu al la redaktejo


# ENHAVO



# Kovrilpaĝo

## PROVERBARO

LA PROVERBARO POVAS RILATI VASTSENCE AL SCIENCO, ARTO, MORO AŬ KREDO. "Ĉiuj grandaj veroj sciencaj trairas periodojn. Unue ili diras ke ĝi estas kontraŭ la Biblio, poste, ke ĝi jam estis antaŭe malkovrita, laste ke ĝi estis afero sciata kaj akceptita." (L. Agassig).

"La scienco lernigas al la homo la amon kaj respekton al la vero, la ideon de devo kaj la neceson de la laboro, ne kiel penso sed kiel la plej nobla maniero uzi sian aktivecon.



"(M. Berthelot). "La homa scienco estas kiel ponto sur la abismo, kaj kies ekstremoj perdiĝas ene de nebulego; ĉio aspektas neta kaj sekura al ni se ni paŝas sur ĝian surfacon; ĉio estas malneta kaj problema se ni ekzamenas ĝiajn fundamentojn" (G. de Magalhães, Visc. de Araguaia). "La homa penso, pli subtila kaj rapida ol la lumo, supreniras pli alten ol la nuboj kaj en ĝia miriga flugo transcendas la barojn de l'Universo videbla, kontemplas la Infiniton kaj entendiĝas ĝis la Senlimo. (Marquês de Maricá).

**Bibliografio: "Vortaro de Pensoj"(F. Masucci).**

*HOMO KANTANTA (Unua Paĝo), de la skulptisto kaj grafikisto germana Ernest Barlach, kies verkoj esprimas homajn sintenojn. Li ankaŭ verkis dramojn, krome "Memrakontita Vivo".*

# LEOPOLD EINSTEIN KAJ ALBERT EINSTEIN - ĉu patro kaj filo?

**La vero pri la opinio de Albert Einstein rilate Esperanton**

Laŭ plej objektivaj esploroj pri la sinteno de Albert Einstein rilate Esperanton, estas evidente, ke esperantistoj-propagandistoj ne plu povas envicigi la mondfaman scienculon kaj Nobel-premiiton inter la apogantoj de Esperanto. Efektive, Einstein klare esprimis sin jene : "... mi ne favoras kaj neniam favoris Esperanton" (Esperanto, februaro 1995, pĝ.29). Malgraŭ tio, la legendo pri lia subteno de Esperanto jam estas firme enradikiĝinta en la historio de Esperanto, kaj kelkaj entuziasmuloj eĉ aperigis citaĵojn pri Esperanto, kiuj venis ne de la plumo de la matematikisto-fizikisto sed de alia Einstein - Leopold.

Ankaŭ pri tiu Leopold Einstein estiĝis legendeca rakonto. En artikoloj de du lingvaj fakuloj troviĝas la aserto, ke Leopold Einstein estas la patro de Albert Einstein!

**Jen kiel skribis Alessandro Bausani**

La unua citaĵo temanta pri la parenc-ligo inter la du viroj kun la familia nomo Einstein, estas ĉerpita el artikolo verkita de Alessandro Bausani, profesoro pri orientalistiko en la Instituto de Islamaj Studoj de la Universitato de Romo.

"Miaj esperantistoj aŭskultantoj povos legi kun profito artikolon de L.Einstein, esperantisto kaj patro de la pli fama Alberto, publikigita en la Fundamenta Krestomatio de la lingvo Esperanto..." (Esperantologiaj Kajeroj 2, 1977, Budapeŝto, pĝ. 187).

Bausani ne aldonis iun ajn bibliografian referencon por apogi sian aserton pri la parencecon de la du Einstein-oj.

**David Gold ripetas la pseŭdofakton**

Unu jaron post publikigo de la artikolo de Bausani, David Gold, lingvisto el Hajfo, Israelo, prezentis anglalingvan referaĵon kadre de la 1-a Internacia Interlingvistika Konferenco en Budapeŝto en julio 1978. En listo de eminentaj judaj esperantistoj, Gold inkludas la nomon de Leopold Einstein kaj aldonas interkrampe:

"the father of Albert Einstein, see Pilhofer 1958"
(la patro de Albert Einstein, vidu Pilhofer 1958)
(Miscellanea Interlinguistica, Tankönyvkiadó, Budapeŝto, 1980, pĝ.311).

Sur pĝ. 364 troviĝas la bibliografia referenco: "Pilhoffer (tiele!), Otto "70-jara jubileo de la Esperanto-grupo Nürnberg", Norda Prismo, 4, 4, 1958, p. 231. Mi kontrolis la enhavon de la artikolo verkita de Pilhofer, en kiu la prezidanto de la nurenberga Esperanto-grupo skribas pri la vivhistorio de Leopold Einstein, sed nenie en la tutpaĝa teksto estas mencio de familia rilato inter li kaj Albert Einstein.

**Kiu estis Leopold Einstein?**

Ni scias pri li ĉefe per liaj publikigitaj verkoj kaj per la nekrologo, kiun d-ro Zamenhof verkis okaze de lia morto. Leopold Einstein naskiĝis en la jaro 1834. En diversaj verkoj en Esperanto li estas priskribita kiel verkisto kaj ĵurnalisto. En la 1880-aj jaroj li aktivis en la internacilingva movado en Nurenbergo kaj fariĝis fervora volapukisto. La 11-an de novembro 1884 li prezentis paroladon en la Nurenberga Klubo de Instruistoj pri la historio de provoj ellabori internacian lingvon. Sekvantjare tiu prelego aperis en bavaria instruista gazeto publikigita en Munkeno, kaj plurajn jarojn poste Zamenhof inkludis sian tradukon de la artikolo en Fundamenta Krestomatio. Leopold Einstein fariĝis la unua prezidanto de la Nürnberger Weltsprache-Verein (Nurenberga Mondlingva Societo), volapukista organizaĵo fondita en 1885. Kiel volapukisto li verkis proksimume 200 gazetartikolojn pri la internacia lingvo de J.M. Schleyer, sed li trovis difektojn en ĝi. En 1888, je la aĝo de 54 jaroj, li akiris la unuajn du librojn pri Esperanto, lernis la lingvon kaj konvertiĝis. Samjare en Nurenbergo li organizis la unuan esperantistan klubon en la mondo kaj komencis energian agadon favore al Esperanto per germanlingvaj propagandaj verkoj. Malgraŭ sia entuziasmo, li ne povis longe daŭrigi sian laboron. Pro malsaniĝo li devis ĉesigi sian verkadon kaj fine, la 8-an de septembro 1890, li mortis en Nurenbergo.

**Kial Leopold Einstein ne povis esti la patro de Albert Einstein**

Kiel estas eble klarigi, ke du aŭtoroj diversloke faris la saman aserton pri la patro de Albert Einstein? Unu prezentis neniun apogan atestaĵon, kaj la referenco citita de la dua estas nenidira.

Pri Albert Einstein abundas precizaj biografiaj informoj. Unue, la individua nomo de lia patro estis Hermann, ne Leopold. Due, li loĝis ne en Nurenbergo sed unue el Ulm, kie la filo Albert naskiĝis la 14-an de marto 1879. En 1880 la familio transloĝiĝis al Munkeno kaj, kiam Albert estis 15-jara, ili elmigris al Milano, Italio. Tio okazis en 1894, kvar jarojn post la morto de Leopold Einstein en Nurenbergo. Estas evidente, ke Leopold Einstein kaj la patro de Albert Einstein ne povis esti la sama persono.

Bernard Golden

# DIDAKTIKAJ VORTAROJ

Oni povas diri, ke ĉiu vortaro estas didaktika; ke ofta konsultado, kaj eĉ foliumado de vortaroj kontribuas al la pliriĉigo de la vortprovizo de iliaj uzantoj, en iu ajn lingvo kaj en iu ajn lingvonivelo. Ne ekzistas kompletaj vortaroj kaj ne ekzistas perfektaj vortaroj. Ĉiuj havas mankojn ĉiuj havas malĝustaĵojn. Tamen la atentaj legantoj, kiuj scias kompari vortarojn, kapablos iom lerni en iu ajn el ili. Ju pli da vortaroj, des pli da lerno.

La minimuma kvanto da vortaroj, por ke iu ajn bone traduku, estas tri: unu dulingva, unu en la lingvo "el" kaj unu en la lingvo "al"; tiel oni povus, ekzemple, rimarki, ke la tradukoj GEPARDO - hiena-malhada, ŜORBETO - sorvete, caneta - PLUMINGO kaj castanho - KAŜTANA estas netaŭgaj (kiel ni jam komentis aliloke), ĉar ĉiu vortoparo fingromontras malsamajn aĵojn. Tamen eĉ vortaroj, kie similaj malĝustaĵoj aperas, meritas esti konsultataj, ĉar tie ankaŭ troviĝas taŭgaj aldonoj al nia lingvokono.

Se al trivortara minimumo indikita ĉi-supre oni aldonas kvaran, estos tre bone, ke tiu kvara vortaro riĉigu nian konon per bildoj. En multaj lingvoj estas la bonega "Petit Larousse Illustré", kiu al siaj tipaj vortaraj kaj enciklopediaj informoj aldonas milojn da bildoj. Bedaŭrinde, tiu vortaro ekzistas nek en la portugala lingvo nek en Esperanto. Sed nia internacia lingvo havas vortarojn, kiuj ankaŭ taŭgas - de la grandego de la preskaŭ 1000-paĝa mondfama Duden (ESPERANTA BILDVORTARO) al la eto de la 100-paĝa juveleto de Vilho Setälä nomita OVO (Oportuna Vortaro de Ordinara Esperanto). Inter tiuj du grandoj estas nia ORIGINALA ESPERANTA BILDVORTARO, kun siaj preskaŭ 3.000 bildigitaj vortoj facile troveblaj en ĝiaj 92 bildpaĝoj helpe de du vortlistoj: alfabeta kaj laŭtema.

Por montri la komplementajn informojn troveblajn en konsulto al diversaj vortaroj, ni sekvu la fiŝon EZOKO, naĝante de vortaro al vortaro. En la malgranda vortaro de FEB kaj en tiu de BEL, legiĝas nur EZOKO, lúcio. Ankaŭ preskaŭ egale, en la "Grande Dicionário" de KKE kaj en la "Dicionário Completo"de FEB, la vortaristoj tre malmulte aldonis. En la GD, legiĝas nur: EZOKO, lúcio (peixe de àgua doce). La ĵus aperinta Dicionário "Completo" havas unu nuran aldonon: la latina vorto "Esox". En nia OEB oni vidas ĝian bildon (paĝo 32, bildo 19) kaj estas konstateble, ke ĝi havas rimarkinde grandan buŝon. En pluraj portugallingvaj vortaroj, tiu vorto ne aperas. Maksimume legiĝas tio ĉi, kiel en la vortaro de Antenor Nascentes: lúcio, peixe de àgua doce da família dos essócidas.

Alilandaj esperantistoj estas pli bonŝancaj ol ni. Waringhien kaj Wells nur donas la tradukojn angle (pike, fish) kaj france (brochet, ich). Tamen niaj tieaj samideanoj trovas pli da informoj en siaj vortaroj. En la vortaro Weebster's oni legas: pike4, an elongate long-snouted voracious teleost fish (Esox lucius) that reaches a length of four feet, is valued for food and sport, and is widely distributed in cooler parts of the northern hemisphere. Tie ne estas bildo, sed tiu priskribo permesas, ke, fermante la okulojn, oni klare vidu manĝeman ezokon kaptante fiŝetojn.

La franca LAROUSSE (kun bildo) priskribas ezokon (brochet) same tre klare. "Poisson d'eau douce, très vorace, le brochet est le requin des rivières." La hispana LAROUSSE ankaŭ estas pli bona ol niaj portugallingvaj vortaroj. Ankaŭ kun bildo, ĝi diras: "Lucio, pez de rio, muy grande y voraz." Kaj la Esperanta juveleto OVO , kun unu bildo kaj tri vortoj, klarigas tranĉe:"ezoko - raba fiŝo manĝebla". Laste, sed ne balaste, kiel amiko nia dirus, ni prenas la klarigojn de PIV: EZOKO, genro de sensalakvaj rabofiŝoj, kies dorsa naĝilo staras tuj antaŭ la vosto (Esox). Kaj, aldone, PIV citas jenajn vortojn de Zamenhof: "Ekzistas ezoko, ke fiŝetoj ne dormu!"

Post tiu ĉi promeno tra vortaroj, oni nepre konkludos, ke la difino "EZOKO, lúcio (peixe de àgua doce, Esox)" estas tro malgrasa por aperi en paĝo de vortaro titolita "Dicionário Completo", kiun malatenta recenzisto nomis "versão brasileira do PLENA ILUSTRITA VORTARO".

Mi persone rekonas mian malgrandecon kaj mian nekapablon ellabori grandan vortaron tute sola, sed mi vidas, samtempe, du agvojojn: 1. ke, sub la gvido de akademianoj G. Mattos kaj L. Knoedt kaj kun la helpo de la brazila esperantistaro, baldaŭ aperu la du grandaj vortaroj, kiujn nia movado urĝe bezonas; 2. ke mi koncentriĝu en la finpretigo de malgranda DIDAKTIKA VORTARO, kies gvidliniojn mi nun prezentos. Mi tamen unue montros ĝian artikolon EZOKO, por fini la vortaran promenon, kiun ni ĵus faris:

*EZOKO3, lúcio: peixe grande e voraz dos rios de regiões frias do hemisfério norte; atinge mais de um metro e é apreciado pelos pescadores; tem a fama dos tubarões nos rios da Europa e aparece com frequencia em nossa literatura esperantista. * EKZISTas EZOKo, KE FIŜEToj NE DORMu! Existe o lúcio, os peixes pequenos que não durmam!




Vi eble demandos, kial malgranda didaktika vortaro povas havi tiel grandan artikolon pri fiŝo, kiu ne ekzistas en Brazilo. Ĝuste en la malsama grando de la artikoloj kaj en la enmeto aŭ forigo de vortoj kuŝas ĝia ĉefa pruvo de didaktikeco. Ni klarigu kun unu plia ekzemplo - la vorto ATRIPLO, trovebla en iu ajn vortaro Esperanta-portugala, sed ne ekstervortare (almenaŭ laŭ nia scio).

La vortaretoj de BEL kaj FEB egale diras: ATRIPLO, armole. Kaj la "granda" kaj la "kompleta" aldonas, parenteze: hortaliça da qualidade do espinafre. La "granda" donas du tradukojn: armole kaj armola. La "kompleta" aldonas trian: atriplex. Tamen la plejmulto el la portugallingvaj vortaroj havas neniun el tiuj tri vortoj. Kaj la dudireka vortareto de BEL iras de ATRIPLO al "armole", sed ne havas la vorton "armole"por reveni al ATRIPLO. Cetere tiu "VOCABULÁRIO" de BEL enhavas multajn maloftajn Esperantajn vortojn, kiuj ne revenas de la portugala al Esperanto; krom la ĉitiea ATRIPLO/armole, ankaŭ AFUSTO/carreta, GOBIO/cadoz, kaj multajn aliajn. Inter ili estas la supre-pritraktita EZOKO/lúcio. Necesas rimarki, ke niaj vortaristoj ne elektis tiajn por balaste dikigi siajn vortarojn. Kontraŭe, kaj Iŝmaelo kaj Carlos Domingues deziris prezenti vortaron kiel eble plej malgrandan. Sed, samtempe, ili volis prezenti ĉiujn oficialajn vortojn de Esperanto. Nur pro tio tiu ŝajna balasto estis devige enmetita. Por nia DIDAKTIKA VORTARO ni prenis tute alian decidon. Se la vorto estas uzinda, la vortaro devas plene klarigi ĝian signifon. Se ne, ĝi devas resti for. Konsekvence, EZOKO kaj GOBIO estas klare priskribitaj en nia vortaro (eĉ kun bildoj), kaj AFUSTO kaj ATRIPLO restis for, malgraŭ ilia oficialeco. La uzindeco kaj uzateco de la du unuaj vortoj kaj la mala kondiĉo de la du aliaj ŝuldiĝas ne nur al nia persona sperto, sed ankaŭ al la apero de la du fiŝoj (EZOKO kaj GOBIO) en la BAZA RADIKARO OFICIALA de la Akademio de Esperanto (BRO), kaj la foresto tie kaj de malnova portilo de kanono (AFUSTO) kaj de la malgrava ĝardenlegomo (ATRIPLO).

Por nia DIDAKTIKA VORTARO, ni elektis entute 6.000 vortelementojn. El la malpli ol 4.800 oficialaj vortoj de Esperanto tre malmultaj mankas ĉi tie (kiel AFUSTO kaj ATRIPLO). Ili estas neuzataj kaj neuzindaj. Anstataŭe, aperas pli ol mil treege bezonataj neoficialaj vortoj, kiel la oftege uzataj BUSO, ĈAMPIONO, FOTO, GIĈETO, INFLACIO, KOMPUTI, KOOPERATIVO, SATELITO, TAKSIO kaj VITAMINO. Estas nekompreneble, sed vere, ke la Akademio ankoraŭ ne oficialigis ilin!

El la 6.000 vortelementoj en nia DV, 3.000 konsistigas la kernon de la vortaro, kaj tial ricevis pli grandajn literojn kaj pli detalajn artikolojn. Ni nomas ilin PARTO "A" de la vortaro, kaj aperigas ilin en la supra parto de ĉiu paĝo. La aliaj 3.000 vortelementoj ricevis malpli grandajn literonj kaj tre malgrandajn artikolojn. Ni nomas ilin PARTO "S" de Suplemento. Ni konsideras parton "A" baza, kerna, nepre lerninda. Ĝi enhavas ĉiujn 1.500 plej uzatajn vortelementojn de nia lingvo: la 11 finaĵojn, ĉiujn fundamentajn afiksojn, ĉiujn fundamentajn nevariajn vortojn (kiel prepoziciojn), kaj ankaŭ ĉiujn mil vortojn el la listo de la revuo KONTAKTO kaj ĉiujn vortojn aperitajn pli ol 3-foje en la esploro de la INTERNACIA KULTURA SERVO el Zagrebo. Kaj ĝi ankaŭ enhavas la ne tre oftajn vortelementojn, kiuj bezonas klarigojn pro malsimilo aŭ falsamika simileco rilate al nia lingvo, kiel FLORENo, GARBo, GALANTERIo kaj HAZARDo.

La 3.000 vortojn en parto "S" oni ĝenerale ne bezonas serĉi en vortaroj dulingvaj, ĉar la indikoj GALANTINO, galantina" "GEOGRAFIO, geografia" kaj "GENCIANO, genciana", kiujn oni trovas en la vortareto de BEL, nenion aldonas al nia antaŭa scio. I.G.B. rimarkis, ke tiaj artikoloj ne helpas la tradukanton, kaj tial, li kaŝis tiujn vortojn kaj pli ol du mil aliajn en la fino de la vortareto de FEB sub la titolo: "Palavras semelhantes ou iguais às equivalentes portuguesas".

Ni opinias ke tiuj solvoj de IGB kaj CD malmulte helpas lernantojn kaj tradukantojn. Kaj ni ankaŭ malŝatas la solvon de la grandaj brazilaj vortaroj. Al ni ŝajnas, ke dulingva vortaro ne estas loko por lerni filozofion, medicinon, kemion aŭ botanikon. Ni tamen opinias, ke DIDAKTIKA VORTARO devas esti multe pli helpa, doni multe pli da informoj. Ni priskribos en la venonta "B.E." tiujn informojn, kiuj ŝajnis al ni necesaj por la DIDAKTIKA VORTARO.

Sekvas en n-ro 304

# PRI LA FACILECO DE NIA LINGVO

Esperanto estas la plej facile lernebla el ĉiuj lingvoj.
Tio ne signifas ke suĉinfano povas lerni ĝin, trankvile dormanta en sia lulilo, eĉ ne vekiĝinte. Ankaŭ personoj kum denaska alergio kontraŭ ia ajn penado ne kredos je la facileco de Esperanto. Por ili ĉio estas tro laboriga, krom manĝi kaj dormi.
La relativeco de la ideoj pri "facila aŭ malfacila"estas evidenta. Se Esperanto estas la unua fremda lingvo, kiun oni studas, ĝi povas ŝajni malfacila. Plenkreskuloj, kiuj dum multaj jaroj ne studis fremdan lingvon, aŭ alian fakon, cetere, evitas kiam ili rekomendas "premi lernejan benkon". Laŭ sia strukturo, Esperanto estas hindeŭropa lingvo, do pli facile lernebla por ano de alia lingvo-familio. Antaŭ jaroj, la ĉina eperantisto, pastro Kao, diris al mi, ke eŭropano bezonas minimume dek jarojn por lerni la ĉinan. Inverse devas esti la samo por parolanto de ne-hindeŭropa lingvo, se li volas lerni ekz. la germanan, aŭ eble Esperanton.
Kiu havas denaskan talenton por lingvolernado, trovas Esperanton facilega, kaj kiuj regas jam unu aŭ du fremdajn idiomojn diras la samon.
Resume: facileco aŭ malfacileco en la lernado de Esperanto dependas de la individuoj, kiuj ĝin studadas, de ilia talento kaj antaŭaj studoj. Tamen mi kredas, ke Esperanto estas la plej facile lernebla el ĉiuj lingvoj, kaj kiu ĝin trovas tro malfacila, certe neniam ellernos alian idiomon. La propagandistoj de nia lingvo ne estas trompuloj, tamen ili ne devus troigi la facilecon de Esperanto.

Bertino Goerner

## Kuracisto Opinias

# "PANIK-MALSANO" : MEDIKAMENTO KAJ PSIKOTERAPIO

La tiel nomata "panik-malsano" estas ĉiam pli ofte rekonata de la kuracistoj. Temas pri krizoj de subita timego sen ŝajna kaŭzo: la viktimo paliĝas, la koro bategas, okuloj grandiĝas, mieno de teruro aperas, kun neeltenebla sento, ke "io malbona okazos". Krome, li ĝenerale perdas sian memfidon, fariĝas malĝoja, apatia kaj senespera - kio montras, ke la malsano estas ia speco de depresio.

Feliĉe ekzistas efika medikamento kontraŭ "panik-malsano". Tamen, ofte ĝi reatakas, kiam la paciento ĉesas preni la drogon. Lastatempe, por solvi tiun problemon, norvegaj kuracistoj faris esploron por taksi la efikon de psikoterapio en la kadro de tiu malsano. Dum naŭ monatoj ili prizorgis du grupojn de malsanuloj: la unuan per medikamento ("klomipramino"), la duan per medikamento plus dinamika psikoterapio. Al ĉiuj pacientoj ĉesis la panik-atakoj. Tamen, post interrompo de la kuracado, 75% el la pacientoj de la unua grupo denove malsaniĝis, sed nur 20% el tiuj de la dua grupo.

Oni konkludis, ke psikoterapio eble malpliigas la bezonon je drogoj ĉe suferantoj de "panik-malsano".

Paulo S. Viana



# ESPERANTA LITERUMADO ĈE KOMPUTILOJ

Ari(o) S. Assunção
ario@bhnet.com.br

**Antaŭ la hejmaj komputiloj.**

Kiam aperis esperanto en la mondo, tiam ne ekzistis la hejma komputilo. Multaj homoj eĉ kredis ke tiu ebleco cstas fikcia. Aliflanke konatis esprimo kiel plumamiko.

**l. Esperanta Alfabeto:**

La alfabeto de esperanto havas 28 literojn, el kiuj 6 estas speciale supersignitaj:

Ĉĉ, Ĝĝ, Ĥĥ, Ĵĵ, Ŝŝ, Ŭŭ. (ekz-e ĉirkaŭ)

**2. H-skribsistemo:**

La unua propono uzata por solvi la mankon de litertipoj supersignaj, ekzemple ĉe presejo, rekomendata de Zamenhof:

ch, gh, hh, jh, sh, u. (ekz-e chirkau)

Rim.: Estis aliaj proponoj, kun postuloj pri anstataŭigo de la supersignaj literoj, supersignado de la sekvanta vokalo ktp.

**Post la hejmaj komputiloj**

Pro la apero de la (mikro)komputiloj, sendube la tekstoprilaborado ege disvolviĝis kaj invadis amasojn da hejmoj, por praktikaj uzadoj. Ekzemple, ĉe multaj esperantistoj - artikolemaj,disvastigemaj, korespondemaj, verkemaj ktp. - la manskribiloj emeritiĝis. Tial komenciĝis la aperoj de izolitaj solvoj por la ĝusta tajpado de la esperanta alfabeto, kiel tiu modifo de la ASCII-kodaro uzata de la baza kurso de Esperanto, funkcianta sub DOS-maprodo, fare de A. Saliba.

Je la apero de grafikaj maprodoj, precipe vindozo, la (liter)tiparoj gajnis flekseblecon por ke oni povas komuti de unu alfabeto al alia. Sed tio prezentas malfacilecon por komuna uzado de malsamaj alfabetoj, ekzemple kiel la angla kaj la turka: por skribi turke oni devas ŝanĝi la tiparon, por skribi per cirila alfabeto alian tiparon; por skribi esperante, oni elturniĝas... ktp.

**3. Vindozaj tiparoj de A. Saliba**

La unua solvo, speciale favora por skribi, kaj en esperanto kaj en la portugala, per la sama tiparo.

Tiu solvo ne kongruas kun ajn internacia normo, sed ĝi estas vaste uzata de brazilanoj, aŭ ne, por izolaj tekstoprilaboradoj celantaj presadon.

**Post interreto. Tutmonda Tera Teksaĵo.**

Esperanto estas solvo por la babela babilado, sed kial venki la skribbabiladon? sen zorgado pri internacia normo la afero povas iĝi tre malfacila, precipe kiam nuntempe ĉiuj povas interretumi sen(pa)pere, tio estas, rekte sur la hejmpaĝoj. La retleteroj, (mesaĝoj) fulme iras tra la reto.

Tamen, ne ĉiuj ankoraú havas konvenan tiparon, aŭ se ĝin havas, povas esti ke ĝi estas malsama. Tial aperis aliaj solvoj, kiel la H-sistemo, kiuj foje "klopodas ŝajnigi sin" al esperanta alfabeto.

**4. Apostrofa (') skribsistemo.**

Ne nur ĉe hejmpaĝoj, sed sur izolitaj prilaboritaj tekstoj, precipe se estas interesa, la mildeco en la aspekto de la skribaĵo:

**c', g', h', j', s', ù.** (ekz-e c'irkaù)

**5. Postsigna (^) skribsistemo.**

La supersigno estas uzata post la parenca litero:

**c^, g^, h^, j^, s^, ù.** (ekz-e c^irkaù)

**6. Antaŭsigna (^) skribsistemo.**

La supersigno estas uzata antaŭ la parenca litero:

**^c, ^g, ^h, ^j, ^s, ~u.** (ekz-e ^cirka~u)

7. **X-skribsistemo:**

Ĉe la interreto ĝi estas uzata en la retpoŝto kaj diskutlistoj: nuntempe ĝi estas multe pli uzata ol al h-skribsistemo. Sed koncerne al la hejmpaĝoj, ĝi dividas la uzad-oftecon kun la h-skribsistemo kaj latin-3 ISO-normo.

**cx, gx, hx, jx, sx, ux.** (ekz-e cxirkaux)

rim.: foje uzatas "w" anstataŭ "ux"

**Latin- ISO-Normo**

La unua provo por internaciskala normigado de **esperanta literumado ĉe la komputiloj** (pli bone uzi la esprimon **ĉe la interreto**). Nuntempe ĝi estas vaste uzata ĉe esperantaj hejmpaĝoj, kun ŝajna minaco kontraŭ la x-sistemo. Latin-3-kongrua tiparo troviĝas ne nur por vindozo, sed por la aliaj plej konataj maprodoj.

Nuntempe la latin-3-kongruaj tiparoj furoras pro la apero de tiparilo Supersigno por vindozo.

Supersigno prezentas ĉefavantaĝon krei el la jam instalitaj tiparoj (latin-1-kongruaj) novajn pseŭdolatin-3 tiparojn, tio estas, latin-1 tiparo sed kun la esperantaj literoj sur la koncernaj kod-ĉeloj.

Ankaŭ furoras la tekstoprilaborilo Ĉapelilo, kiu disponigas tajpadon sur esperanta klavaro kun grava specialaĵo koncerne al la aŭtomateco por tajpi "u" aŭ "ŭ": sama tajpo, malsama tipo.

**Unikodo**

Unikodo estas normo pri komputila kodaro (karaktraro) ellaborita de Internacia Organizo pri Normoj (ISO - International Standards Organization). Ĝi celas solvi la problemon pri la limigiteco ampleksanta al nur 256 kodoj de la ASCII-normo, ĉar tiu uzas 8-bitan (1-bajtan) kodaron. Unikodo uzas 16- bitan (2-bajtan) kodaron, ampleksante 65.536 distingajn kod-ĉelojn el kiuj nuntempe cirkaŭ 34.000 estas plenumitaj de karaktroj por reprezentado de ĉiuj literoj kaj necesaj signoj (kiaj la aritmetikaj, interpunkcioj ktp.), kiuj estas uzataj de ĉiuj naciaj lingvoj inkluzive de esperanto kaj eĉ pralingvoj kiel sanskrito kaj egiptiaj hieroglifoj. Krome unikodo ankoraŭ havas multon da neplenumitaj kod-ĉeloj taŭgaj por futura uzado laŭ neceso.

# MINORITATAJ LINGVOJ KAJ TUTMONDIGO

## l. Multlingveco kaj unulingveco

Multlingveco estas pli komuna en la mondo ol unulingveco. Le plej granda nombro de ŝtatoj kaj landoj estas multlingvaj. En ilia teritorio estas parolataj du aŭ pli da lingvoj aú dialektoj. Politikaj kaj socialaj faktoroj determinas la rilatojn inter la lingvoj. Ilia klasifiko kiel lingvo aŭ dialekto
baziĝas en sociaj kaj lingvistikaj kriterioj, sed la diferenco inter lingvoj majoritataj - ĝenerale oficialaj, normigitaj kaj kulturaj - kaj minoritataj dependas de socialaj kaj politikaj kondiĉoj. La minoritataj lingvoj estas klasifikitaj pro iliaj socialaj rajtoj rilate al la majoritataj, kvankam, laú lingvistika vidpunkto, ili povas solvi ĉiujn eblajn lingvajn situaciojn kiel la tiel nomataj kulturaj aú normigitaj lingvoj.

## 2. Eblaj rilatoj inter du aú pli lingvoj

La *Socilingvistiko* okupiĝas pri la rilatoj inter lingvoj kaj popoloj. La vorto *diglosio* kiu rilatas al la uzado de pli ol unu lingvo en la sama teritorio. Tio ne nur temas pri dulingveco, malgraŭ ĉi tia lingva situacio ankaŭ estas tre ofta, sed, en diglosia situacio, unu lingvo - ĝenerale la minoritata - estas uzata nur en ne prestiĝaj situacioj. Tio kelkfoje okazigas fortajn reagojn kaj eĉ konfliktojn pro la hegemonio de la oficiala lingvo, sed nuntempe lingvistoj kaj aŭtoritatuloj serĉas rimedojn por solvi kreskantajn lingvajn problemojn, kiuj ankaŭ entenas etnajn, kulturajn kaj aliajn kompleksajn elementojn.
En modernaj nacioj kaj ŝtatoj okazas nuntempe granda movado favore al multlingveco kaj multkultureco. Oni povas observi grandan intereson por eviti la estingiĝon de malgrandaj lingvoj kaj kulturoj.
Laŭ la teorio de *lingvistika relativeco2*, ĉiu lingvo influas 1a kulturon kaj vivmanieron de sia popolo, do la grandega influo de la tutmondiga vivo, precipe pro la subpremo de la tutmonda vivstilo de la nomataj grandaj ekonomiaj potencoj, baldaŭ kaŭzos la malaperon de gravaj kaj vere tradiciaj kulturoj. Antaŭgardante la lingvojn oni povus savi ion de iliaj kulturoj, ĉar tiu rimedo ne plaĉas al la defendantoj de etnaj minoritataj lingvoj. Ili volas vivantan lingvon anstataŭ ia ero de muzeo.
La maltrankvileco pro la estingiĝo de lingvoj kaj kulturoj ne estas novaĵo. En la unuaj jardekoj de ĉi tiu jarcento aperis en Eŭropo, precipe en Francio kaj en aliaj najbaraj landoj, la lingvistika studmetodo nomata *Lingvistika Geografio3* kiu studadis ĝisfunde la evoluadon de kelkaj dialektoj laŭ geografia kaj lingvistika vidpunkto. Tiuj pioniroj sukcesis publikigi atlasojn kun granda kvanto da dialektaj mapoj por facile klarigi la absorbadon kaj influadon de la oficiala lingvo sur malnovajn regionajn dialektojn. En tiu epoko tio okazis, por plifirmigi la tiaman kreskantan naciismon en la eŭropaj landoj. Por la forta centralismo de la estraro de ĉi tiuj ŝtatoj estus preferinde, ke la aliaj lingvoj kaj dialektoj de la lando malaperu. Pro tio, nur la normigita oficiala lingvo de kamparanoj loĝantaj en apartaj lokoj kiujn la "beno de la civilizacio" ankoraŭ ne atingis, sed ili baldaŭ malaperos pro la forta centralizigo de la lingvo oficiala.
Estas necese memori, ke por lingvistoj ĉiuj lingvoj havas la saman gravecon. Ilia lernobjekto estas lingva komunikado. Ankaŭ la koncepto de lingvo kaj dialekto estas iom kompleksa sed iamaniere ne estas bazita sur nombro da uzantoj, tradicia kulturo aŭ socia graveco. Ĝenerale ili konsideras dialekton lingvo deveninta el alia, do ĉiuj naturaj lingvoj estas esence dialektoj ĉar ili devenas el iu ajn alia lingvo de la mondo. La latinidaj lingvoj devenas de la latina, kiu, siavice, devenas el la *italika* kaj ĝi el alia pralingvo kaj la ĉeno nur finiĝas kiam la homa kono atingas la plej antikvan lingvon konatan: la hindo-eŭropan pralingvon.
Por lingvisto estas tiom aŭ pli grava la studado de ia eta izolita lingvo, parolata de kelkaj centoj da homoj, ol granda kultura lingvo. Ni vidis ke en la unuaj jardekoj de ĉi tiu jarcento ŝajnis, ke la ne oficialaj lingvoj baldaŭ malaperos sed tio ne okazis almenaŭ tiamaniere. La nombro da lingvoj en la mondo kreskis. La lastaj statistikoj kalkulas la ekzistadon je ĉirkaŭ 10.000 lingvoj.
Kio okazis? La respondo ŝajnas kompleksa. Oni jam konstatis, ke multaj etnaj grupoj ne volas esti nur "konservataj" kaj daŭre bataladas per sia aŭtonomio aŭ sendependeco. La solvoj por tiaj problemoj ne estas facilaj nek validas por ĉiuj kazoj. Tio dependas de aliaj faktoroj, kiuj povas esti etnaj, politikaj, sociaj, ekonomiaj ktp. Ŝajnas ke la mondo sin direktas al la tutmondigo sed, el alia flanko, ĝi estas pli kaj pli dispecigita. La centralizigata ekonomio povas altrudi modon, vivmanieron kaj aliajn fremdajn kutimojn sed ŝajnas, ke ne sukcesas trudi ĝian lingvon. Nur
kelkaj vortoj misprononcataj povas esti aŭdataj, sed tio ne sufiĉas por ke la malsamaj popoloj de la mondo ŝanĝu la gepatran lingvon.

## 3. Minoritataj lingvoj-reagoj

Dum la du lastaj jardekoj okazis grandaj politikaj ŝanĝoj en la mondo. Federaciaj ŝtatoj apartiĝis (Soveta Unio, Jugoslavio, Ĉeĥo-Slovakio) kaj granda nombro da landoj, plejparte malgrandaj, sendependiĝis. Multaj el tiuj novaj nacioj havas proprajn lingvojn kiuj nun atingis la rangon de oficialeco. En aliaj ŝtatoj ekzistas minoritataj lingvoj kiuj ofte bataladas kontraŭ la ŝtata, celante pli da uzado en sia propra teritorio. Tiaj estas la lingvaj situacioj en Hispanio, Italio kaj aliaj eŭropaj landoj.

Eĉ Usono frontas lingvajn problemojn precipe en edukado pro la granda nombro de alilingvaj enmigrintoj. Aliaj gravaj lingvaj problemoj de Usono devenas el malsamaj sociaj tavoloj. Granda nombro da lernantoj kiu hejme parolas apartan socian dialekton ne bone regas la anglan por frekventi universitaton. La instruado de unu el tiuj dialektoj nomata *Ebonics* por faciligi la instruadon de la angla dividas la opinion de usonaj lingvistoj *4*.
En Latinameriko ankaŭ okazas lingvaj problemoj pro la ekzistado de indiĝenaj lingvoj, ĉiuj el ili minoritataj rilate al la oficialaj lingvoj de la landoj, plejparte la hispana. Kelkaj el tiuj landoj, inter ili Meksikio, Gvatemalo, Peruo kaj Paragvajo serĉas solvojn por siaj problemoj. La indiĝenaj popoloj posedas valoregan kulturan heredaĵon kaj ankaŭ iliaj lingvoj estas treege interesaj por lingvistika kaj etnologia studado. En Paragvajo, la indiĝena lingvo *gvaranio* havas nun oficiale la samajn rajtojn ol la hispana. Aliaj landoj enmetis en siajn konstituciojn artikolojn favore al siaj etnaj lingvoj.
Movado favore al minoritataj lingvoj aktivas nuntempe en Eŭropo. Por pritrakti tiun temon okazas diversaj internaciaj kongresoj. En ĉi tiu jaro okazos almenaŭ unu en Svislando kaj alia en Hispanio *5*.
Laŭ Tapio Variso, grava danĝero por la minoritataj lingvoj estas la amaskomunikiloj. Li asertis ke kelkaj malgrandaj landoj kiel Estonio profitas la novajn teknologiojn je loka nivelo kaj ke tiuj rimedoj apartenas al ĉiuj. Tio dependas de la kapablo de la uzantoj.

4. La rolo de Esperanto rilate al la minoritataj lingvoj.

Esperanto ne povas esti klasifikata kiel minoritata lingvo ĉar ĝi ne apartenas al iu popolo. Do, kiel internacia lingvo, ĝi povas helpi en la solvo de multlingveco, agante kiel ponto inter la kreskanta pluraleco de lingvoj kaj kulturoj. En la programo de la proksimaj kongresoj pri minoritataj lingvoj oni ne vidas eron proponante la helpon de Esperanto aŭ alia internacia lingvo, sed ŝajnas ke la esperantistoj scias bone profiti el la novaj teknologioj, precipe el la Tuta Tera Teksaĵo, la Grandega Reto *Internet*.

Do okazas tio, kio ŝajnas paradokso: El unu flanko la amaskomunikiloj kontribuas fortege por tutmondigo, do la lingvoj uzataj en tiuj medioj devus esti malmultaj kaj fakte oni vidas, ke en la TTT la angla regas preskaŭ absolute, sed tio ne malpermesas la uzadon de aliaj lingvoj - naturaj aú artefaritaj - kiel jam faras Estonio kaj aliaj malgrandaj landoj. Nuntempe Esperanto jam ludas gavan rolon en la Granda Reto, kvankam el statistika vidpunkto tio ankoraú ne multe signifas, sed valoras por prezenti al esperantistoj tutan novan kampon de esploro por la agado de Esperanto. Le grundo ŝajnas promesplena. Ĝia bona esplorado dependas de ni ĉiuj.
Do, al la laboro!

## Notoj

1. Fergunson en 1959 uzis ta vorton (diglossia) *diglosio* por difini lingvajn situaciojn kie ekzistas pli ol unu lingva kodo por la sama societo. Tiuj kodoj povas esti lingvoj aŭ dialektoj geografiaj aŭ socialaj. Poste, ( 1970), Joshua Fishman, studas tiajn situaciojn kaj trovis 4 lingvajn situaciojn de dulingvismo: 1) Dulingvismo kaj diglosio; 2) Dulingvismo sen diglosio; 3) Diglosio sen dulingvismo kaj 4) Ne diglosio nek dulingvismo.

2. La tezo de *lingvistika relativeco* kontraŭas la tezon de *lingvistika universaleco* kiu asertas ke ĉiuj homaj lingvoj estas esence egalaj je siaj bazaj principoj. Kontraŭe, la relativistoj opinias, ke ĉiu lingvo estas unika kaj rigore la tradukado estus neebla. Laŭ ili, la gepatra lingvo apartenas al difinita kulturo kaj influas la pensadon kaj vivmanieron de la komunumo. La fama hipotezo Sapir-Whorf estas tre diskutata. La polemiko inter lingva universaleco kaj relativeco ankoraŭ ne finiĝis.
3. La plej fama lingvisto kiu uzis tiun metodon estis la sviso Jules Guilliéron. Li sukcesis organizi la *Lingvistikan Atlason de Francio*, publikigita inter 1902 kaj 1912.

4. La instruado de *Ebonics (nigra dialekto)* en kelkaj usonaj universitatoj kaŭzas grandan diskutadon en la edukaj medioj. La fama lingvisto William Labov, tre konata pro lia studado pri dialektoj de sociaj tavoloj, estas favora al instruado de tiu dialekto kiel ponto por la lernado de la angla.

5. La kongreso de Hispanio okazos en la 18--21/08/98 en Leioa Universitato, Vasklando (Hispanio). La kongreso de Svislando okazos en la 21-23/09/98 en Chur (Svislando). Ambaú kongresoj havas propran paĝon en Internet. Serĉu *minoritataj lingvoj* en la angla kaj en la hispana.

6. Tapio Varis estas profesoro de amaskomunikado kaj ĵurnalismo en la Universitato de Tampere (Finnlando) kaj ĵus faris prelegon nomata *La lokaj identecoj kaj la procedo de tutmondigo* en kongreso pri aktuala komunikado kaj kulturo en la Universitato de Santiago de Compostela (Hispanio).

Alfredo Maceira Rodriguez
Aprilo 1998

# RECENZO

## TRE VALORA PEDAGOGIO

**Titolo de la verko: Interparolo en la frukt-ĝardeno la 5-an de aŭgusto.**

**-Aŭtoro: Igor Newerly -67 paĝoj. El la pola tradukis kaj eldonis Zofia Banet-Fornalowa. Subtenis FAME-fondaĵo. 1997. Prezo ne indikita sed mendebla ĉe via kutima libroservo.**

Temas pri originala interparolo pri fama edukisto Janusz Korczak, ankaŭ kuracisto, pedagogo kiu zorgis pri du orfejoj (unu nomita Orfohejmo). Ne estas dubo ke la metodoj de J. Korczak estis tute ne kutimaj. Li instigis al memdisciplino kun indukto al konsciiĝo pri agoj, sintenoj kaj kondutoj. Por atingi la celon li malfermis kajerojn pri vetoj, pri notariaj kontroloj en interŝanĝado subtene al tio kion la infanoj kutimas fari. "Malgranda Revuo" estis la organo de la propraj infanoj, speco de libera tribuno ilia.

Ĉar J. Korczak aperigis diversajn verkojn pri pedagogio, tiu libreto tre oportune malkaŝas el Polio plian pioniron, kiun ni devas aldoni al la jam konataj, Ferrer, Montessori, Freinet k.a. La rolo de Esperanto estas tiu, malkaŝi kaj interplekti la valorojn en nia tutmondo. En paĝo 16 estas menciite, ke "Malgranda Revuo" en majo ekde 1935 aperis dulingve, ankaŭ en Esperanto, cele al homara konkordo. Poste venis la fino en la gettoj, en la holokaŭsto. Ni ne forgesu tion, ke la nazioj ekstermis judojn kaj multajn aliajn.

La libro meritus pli bonan teknikan aranĝon, la litertipoj estas tro malgrandaj. La lingvaĵo estas bona kaj sufiĉe flua. En paĝo 19 estas misuzo de "abomeni", kelkaj "preseraroj" neeviteble sed neĝene aperas. La vortoj "antonaj" kaj "inflantaj" (paĝo 28) ne estas en PIV, nur poste oni malkovras, ke temas pri speco de pomoj!




Tre utilaj estas la biografio de la aŭtoro Igor Newerly en la komenco de la libro kaj la vivkroniko de la protagonisto Janusz Korczak en la fino.

Edukistoj bonvolu nepre legi tiun libron.

Gilbert Ledon

*-kvazaŭ recenzo-*

## LA KNABO FRENEZETA

**Kaj la 15-a Dujara Internacia Librofoiro en San-Paŭlo, de la 29-a ĝis la 10-a/05/98.**

Por Brazila Esperanto-Ligo, kiu havis standon en la foiro, la libro de Ziraldo esperantigita de Kristoĉjo Resende (ĉu?) - La knabo frenezeta - fariĝis la ĉefa logaĵo de la budo, des pli ke unuavide la publiko ne povis scii pri kio temis nia afero pro manko de elstara, videbla informo. Ni danku al "la knabo frenezeta", kiu fariĝis des pli valora post ĝia apero en la televida programo de Jô Soares... Ha la komunikiloj! la kulturo! la homa diverseco!

Cetere, frenezete pli ol la duono de la spaco en tiu librofoiro estis okupita de mistikaj skribaĵoj: religioj el ĉiuj sektoj, de katolikaj ĝis spiritismaj, kie ĉi lasta elstariĝis. Sed feliĉe nia vic-prezidanto de BEL, emfaze diris, ke nia knabo estas frenezeta sed ne stulta ĉar li lernis Esperanton. La argumento ne ĉiam estis konvinka por la multaj homoj, kiuj ĉi tie sencele gapis kaj ŝajne ne pensis pri kleriĝo.

"La Knabo Frenezeta" de humoristo Ziraldo, sendube estas taŭga verko 110-paĝa por ke niaj infanoj (sed jam kiel lertaj esperantistoj) iniciĝu direkte al kleriĝado se esti klera signifas esti kapabla, per ĝusta uzado de akiritaj scioj, klare juĝi kaj bone taksi la aferojn... Preter la pura fantazio, la moderna virtualo, ni bezonas tekstojn kaj figurojn por konscii pri la realo de la vivo.

Mi ne diras kiel nia akademiano Geraldo Mattos, ke la verketo estas "magnifika" (kaj mi persone tre bedaŭras la enmeton de tiu malbela, nenecesa neologismo, kiun mi ne trovis en kia ajn vortaro!) mi nur diras ke la libreto estas bonvena. Ne, por komencantoj la teksto ne estas taŭga ĉar la lingvaĵo ne estas simpla, ekz. paĝo 8 la propozicio; "Tuta jam sata sed okulo malsatas" ĉu simplaĵo? Kial la ne ordinare uzata unito anstataŭ unuo paĝo 26? Kial por komencantoj tiu troa uzo de akuzativo de anstataŭo kaj movo eks. Paĝo 95, "kaj li falis la krurojn supren kaj li falis la sidvangon sur la plankon"? La vorto, falis, ne estas transitiva kaj donas ideon pri movo, do pli simpla pli facile komprenebla por komencantoj estus la formo: li falis kun la sidvango sur la planko.




Ne estas kohereco rilate al kunmetitaj vortoj, jen kun streko, jen sen. Ses 'preseraroj" estas tro por tiom mallonga teksto, "kanabeto" paĝo 49 "okulvritoj" paĝo 47 "rulas" paĝo 109, povus indukti aliajn signifojn. Reviziado post kompostado estas tre grava, sed malofte okazas!

Gilbert Ledon




# NI PLU ATENDU MOMENTON!

Ĵus reaperis en la scenejo de BEJO la dulingva (Esperanta-portugala) bulteno "Momenton!". Ĉe la pasintjara Brazila Kongreso, kiu okazis julie en Curitiba, la estraro de BEJO decidis ĝin reeldoni.

Tamen nur nun, post pli-malpli okmonata malfruiĝo (ve!), "Momenton!" fine eliris el sia kokono kaj atingis ĉies leterkestojn.

Ĝi aperos dumonate, informante kaj amuzante la brazilan junularon.

Sendu viajn kontribuojn (artikoletojn, anekdotojn, informojn pri aktivaĵoj) al la Redaktoro. Laborigu vian cerbon kaj plumon, forviŝante la bildon, laŭ kiu la junaj brazilaj esperantistoj nur glire dormas.

Reinaldo M. Ferreira
Rua das Papoulas, 143
Presidente Prudente, SP
19065-390

## KRIMO EN ESPERANTO-LANDO

Estis foje iu loko nomita Esperanto-lando.

Iuj nomis ĝin Esperantujo, aliaj Esperantio.

Verdire, la nomo de tiu loko ne gravas, ĉar ĝi neniam estis oficiale registrita.

En tiu loko, oni renkontis multajn aferojn pri kaj en Esperanto danke al multe da esperantistoj en ĝi loĝintaj. En la komenco, simplaj broŝuroj ĉirkaŭis la lokon. Vere interesataj homoj brakumis ne nur libreton, sed ĝian tutan enhavon manĝante gramatikaĵon, akuzativon, korelativojn kaj idealismon.

En aliaj lokoj, kutime oni rimarkas personojn kiuj diras:

"Ĉu Esperanto? Ho jes. Mi kelkfoje aŭdis pri tiu bona viro!"

"Eks-peranto? Espera anto? Esperanto-kio?"

Sed tiaj surpriziĝoj ne okazis en Esperanto-lando.

Multaj esperantistoj de la komenco tuj Esperanton akceptis kaj ĉefe ĝiajn idealojn. La personoj eĉ forlasis paroli la gepatran lingvon, kvankam Esperanto devus esti nur la dua lingvo.

Kursoj pri aliaj lingvoj ne plu aperis, kaj infanoj ne lernis la gepatran lingvon. Nur Esperanto tie restis.

La personoj ŝanĝis siajn nomojn al pli konataj esperantistaj personoj (almenaŭ en la esperanta literaturo), kiel Ludoviko, Karlo, Silvja, Ivo, Petro, Marija, Edna, ktp. Ankaŭ la stratoj ricevis novajn nomojn, ekz.: Strato Zamenhof, Strato Esperanto, Strato Lingvo Esperanto, Strato Internacia Lingvo, ktp. Oni ne povas forgesi, ke en Esperanto-lando jam ekzistis strateto (la unua!), kiu nomiĝis simple "Z".

Ĉiuj placoj,konstruaĵoj kaj grandaj vendejoj ricevis nomon rilate al Esperanto. Ŝajnis, ke la vorto (simple la vorto!) ESPERANTO ja estis tre bona por reklamaj paneloj:

"Tualeta sapo Esperanto: Viŝadu vin sentante la odoron de la espero!"

"Asekura kompanio Esperanto: ĉi-tie vi ne atendas... vi havas!"

Ĉe la radio-aparato, la modo estis ne nur aŭdi Esperanto-muzikon aŭ aŭdi iujn ajn novaĵojn, sed paroladi esperante:

"Ĉi-tie estas Radio-stacio Esperanto sur esperantaj ondoj esperanta vian atenton! Telefonu kaj parolu Esperanten."

Stratvendistoj blekadis ĉe la stratanguloj:

"Ŝlosilringojn! Globkrajonojn! Memoraĵojn! Multajn Esperantaĵojn!"

Marŝante surstrate, oni rimarkis verdajn aŭtomobilojn, butikojn, apotekojn, vitrinojn... Ĉio entute rilatiĝis al la Esperanto-temo.

En la gazet-budo, oni aĉetadis revuojn Esperanto, Kontakto, El Popola Ĉinio, la Kancerkliniko laŭ moderaj prezoj. En apuda kaso, oni aĉetadis kelkajn informilojn tre malmulte kostajn: po 01 (unu) Stelo ($) por pakaĵo...

Iu hontema esperantisto malkovris kanalon el televido-sistemo, kiu estis tute en Esperanto. Oni nur direktigu la antenon al nokta stelo por kapti la programeron jene:

Matene:

-Saluton, Esperanto-lando!

-Movdesegnaĵoj el Esperanto-lando.

-"Mazi en Gondolando" (Nun en Esperanto-lando)

-Esperanta Kuirejo.

-Esperanta Turismo.

Posttagmeze:

-Esperanto-novaĵoj.

-Esperanto-sportoj.

-Esperanto-filmo: "La Vivo de Zamenhof".

-Momento-Esperanto. (Rapidaj novaĵoj pri Esperanto)




Ĉu ne Avenuo "Z"?

Nokte:

-Esperanto-novaĵoj.

-Esperanto-filmo.

-"Akceptas ĉiom por Steloj".

-Verdaĵoj kaj Verduloj (konversacia spektaklo).

-Bonan nokton, Esperanto-lando!

Sed... Esperanto-lando neniam plu estis la sama post novaĵo elsendita. La TV-Esperanto haltis sian programeron por doni tro ŝokan novaĵon:

(Kelkaj akordoj el "La Espero" antaŭ la parolado de la prezentanto).

"Saluton,

Mi estas Karlo Ludoviko (paŭzo).

Okazis dum ĉi-tiu frumateno grandega krimo en Esperanto-lando: La busto de Zamenhof estis ŝtelita el Placo Esperanto. Ĝi estis donaco de BONE (Bona Organizo Ne Ekzistas). Ĉiujn pliajn novaĵojn sendos ni dum la programo."

Esperanto-lando haltis.

Ne eblus renkonti la ŝtelaĵon, ĉar ĉiu esperanto-landano havis esperantaĵojn en siaj hejmoj.

Kiu faris tion?

Kial oni faris tion?

Ne pro pluvego, nek pro senpluveco, nek pro sankta tago, nek pro Mondpokalo, nek pro Karnavalo, sed pro la ŝtelo-kazo oni feriis dum kelkaj tagoj. La Esperanto-muzeo fermis sian pordon, kiel faris la esperanta kinejo, la esperanta panejo, la esperanta ĉiesulinejo...

La Urbestro de Esperanto-lando ne volis paroli pri la okazintaĵo. Oni diris, ke li preferis inaŭguri esperantan ekspozicion en la esperanta biblioteko de la urbo. Plie, la elektado estos je la 15-a de Decembro...

Alvenis interesa persono. La lando el kiu li venis ne gravas. Lia lingvaĵo estis terura, preskaŭ sonis volapuke. Oni tuj anigis lin al Esperanto-kurso de la urbo. Li diplomiĝis pri Baza, Daŭriga kaj Konversacia Esperanto.

Li estis prezentita al la Esperanta Konsilantaro "HELPO" (Hej! La Polico!), dirante

"Saluto... Saluton! Mi nome... nomigas... nomiĝas Celo... Mar-Celo... Marcelo!"

En la Placo Esperanto, Sinjoro Marcelo malkovris, ke la busto ne plu estis tie. Do, ĝi vere estis ŝtelita.

Kiam?

Kiel?

Kio?...

Ĉirkaŭ la Placo Esperanto, oni rimarkis multe da Esperantistoj (komprenebIe!).

Sur la altano, la Vic-urbestro paroladis,... kaj paroladis...

Ĉiu iu rimarkis ion?

"Jes!" Diris freneza esperantisto, kaj li legis.

"Ĉiu Esperantisto estas bona homo!"

"Ĉiu Esperantisto amas la naturon!"

"Ĉiu Esperantisto mirigas amikon!"

"Ĉiu Esperantisto batalas pro la movado!"

"Ĉiu Esperantisto bone regas la lingvon!"

"Ĉiu Esperantisto..."

Ĉe Sinjoro Marcelo, iu knabino (eble denaska esperantistino) alvokis lin kaj mallaŭte parolis al li:

"Sinjoro, la busto ne estas ĉi-tie ĉar iu kunportis ĝin al alia loko!"

"Ho jes". Oni ĉiam diras. Sed oni perceptas kie estas la solvo.

"Ho jes, ho jes" blekadis Sinjoro Marcelo kaj tiel li kuris. Li ankaŭ blekadis "La krimo en Esperanto-lando estas solvita!!!"

Tie estis ĝi. Bela kaj impona. Ne tre pura, la nazo estis frapita. Sed ĉiam bela kaj impona.

Kiu ŝtelis?...

Neniu.

La urbestro prunteprenis ĝin por prezenti ĝin en la inaŭguro de ekspozicio en la esperanto-biblioteko. Li pardonpetis promesante redoni ĝin post la proksima kongreso...

Laŭ lia ekzemplo, ĉiu Esperanto-landano same agis.

Hodiaŭ restas nenio en Esperanto-lando.

Oni rakontas, ke Esperanto-lando ankoraŭ rezistas kaj ekzistas.

Sed... Kie????......

Fikcia Rakonto verkita en Esperanto de:

Marcelo Luiz Brasil

# KRONIKO

## LA MONDO BOLAS

Dum la 31-a ESPERANTO-RENKONTIĜO de SUDPARAIBA VALO, en Campos do Jordão, kelkaj miaj geamikoj interesiĝis pri la kialo de malapero de miaj Kronikoj el la Brazila Esperantisto kaj mi decidis verki. Mi longe meditis antaŭ la komenco pri kio mi skribu en mia modesta Kroniko? Fine mi decidis skribi pri nia ĉiama Esperanto.

Lastatempe "La Mondo bolas". Neniu estas certa kio povas okazi baldaŭ. La ekonomie forta nacio klopodas altrudi al la Mondo siajn: kulturon, ekonomion kaj sian idiomon, pri kiu la certeraj nacioj ne konsentas nek akceptas. Ĉiu popolo scias, ke se ĝi perdas sian idiomon, ĝi perdas sian identecon tuj kaj dum mallonga tempo ne plu estos nacio ĉar englutos ĝin la fremda forto kaj forviŝos el ĝia menso ĝian originalan kulturon. Jen la kialo ke pluraj nacioj jam serĉas aliron el tiu embarasigita situacio kaj povas okazi, ke tio helpos Esperanton aperi meritinde sur monda scenejo kiel utila helplingvo kiu ne apartenas al iu nacio, sed solvos la mondproblemon de ĉiuj.

La sama problemo minacis jam ĉe la komenco de la jarcento la internacian idiomon. Tiam Zamenhof persone defendis la neŭtralan lingvon kaj kiuj atakis ĝin jam malaperis, sed Esperanto vivas kaj donas problemon al la egoisma nacio. Nu, ĉe la fino de la Jarmilo estas nia tasko defendi ĝin kaj prepari la vojon al la tria Jarmilo, ke ĝi engaĝiĝu en la movadon firme kaj ekster ĝi. Estas klare videbla, ke la forta nacio altrudas sin eĉ al Esperanto same kiel la aliaj naciaj lingvoj, precipe pere de la teknikaj eblecoj, kiel estas la komputilo. En la aparato neeblas utiligi la supersignojn kiuj mankas, ke la lingvo estu klara komprenebla. Sed tio okazas al la aliaj naciaj lingvoj kiuj havas supersignojn.* Mi ne scias





ĉu tiu infera aparato kulpas pli ol niaj esperantistoj, ĉar por antataŭigi la supersignojn ili akceptis uzi la literojn "X" kaj "Y", kiuj literoj ne ekzistas en la esperanta lingvo. Feliĉe jam multaj niaj gesamideanoj protestas kontraŭ tiu fuŝo de la idiomo kune kun la aliaj nacioj, kiujn ĝenas la aŭdaco de tiu barbaraĵo. Ni jam havis kontraŭulojn dum la pasintaj 110 jaroj, sed ni havis defendantojn ankaŭ kaj ni havas, feliĉe.

Meze de la jarcento D-ro FRANZ JONAS, tiama prezidanto de la lando AŬSTRIO diris: "Kian pruvon do pri la taŭgeco de Esperanto la dubantoj krome bezonas? Nur la propran sperton anstataŭ malsaĝa antaŭjuĝo. La esperantistoj dum la pasintaj jardekoj konsekvence varbis por la ideo de interkompreniĝo per internacia helplingvo. Ili estis la profetoj de la Movado. La nuna generacio de Esperantistoj jam esta pioniroj de Esperanto en la praktika vivo. Sed ili neniam forgesu, ke Esperanto ne nur estas rimedo por ĉiutaga vivo, sed ke ĝi estas eterne ligita al grandaj kaj altaj Idealoj: al solidareco de la popoloj, al progreso de la homaro, al paco de la Mondo."

Maria Almada

**NDLR - Notu, ke la esperantistoj tamen jam solvis la problemon per sistemoj kiel ĉapelilo aŭ Saliba-sistemo almenaŭ ĉe la komputiloj se ankoraŭ ne ĉe Interreto! Vidu ankaŭ la artikolon de Ario paĝo 7*



**En Teatro.-**

Malbona kantisto kantas: -La pluvo ĉesis; la maro estas trankvila!-
Aŭskultanto elirante rapide el la teatro: -Ni kaptu la okazon!-

## BEL - INFORMAS

## 1.BEL-POŜTKARTOJ

Laŭ sugesto de S-ro Roberto Vieira Resende, BEL eldonis serion de pôstkartoj kun 5 malsamaj bildoj, omaĝe al centjariĝo de la unua esperanta teksto publikigita en la brazila gazetaro, okazinta la 12-an de aprilo 1888, en la ĵurnalo "O Paíz". La teksto estas "LA PATRO NIA", ĉar ĝi estas tre populara kaj facile komprenebla por tiuj, kiuj ne konas la lingvon Esperanto. La poŝkarto-kolektoj, kun 10 ekzempleroj (5x2), disponeblas ĉe BEL-Libroservo, laŭ la jenaj prezoj: 1 kolekto - R$ 2,00; 2 kolektoj - R$ 5,00; 10 kolektoj - 9,00; 20 kolektoj - 16,00; 50 kolektoj - R$ 32,00 kaj 100 kolektoj - R$ 55,00. Pro la allogaj prezoj, la e-asocioj kaj multnombraj individuaj esperantistoj certe interesiĝos pri la revendado de la poŝtkartoj. - (vidu paĝon 24)

## 2. BEL(aj) ĈEMIZOJ

La deĵorantoj ĉe BEL-stando dum la 15-a Internacia Librofoiro de San-Paŭlo vestis T-ĉemizojn produktitaj de BEL, kun blua surskribo "Esperanto-cultura de todo mundo". LA ĉemizoj disponeblas ĉe BEL-Libroservo, laŭ la jenaj prezoj: 1 unuo - R$ 6,00 kaj R$ 8,00; 3 unuoj - R$ 16,50 kaj R$ 21,00; 5 unuoj - R$ 25,00 kaj R$ 30,00 kaj 10 unuoj, R$ 42,00 kaj R$ 50,00. La duaj prezoj inkluzivas sendokoston. Ek de 50 ĉemizoj, la prezoj estas po R$ 3,60, plus la sendokosto. Same kiel rilate la poŝtkartojn, e-asocioj kaj individuaj esperantistoj revendos la BEL-ĉermizojn por havigi al si profitojn aŭ kroman salajreton... kaj la nomo Esperanto montriĝos pli ofta surstrate...

## ORGANIZA PROBLEMO

Umberto Brocatelli, redaktoro de "l'Esperanto" organo de Itala Esperanto-Federacio, starigas jenan aspekton pri uzo de nacia lingvo aŭ/kaj Esperanto dum naciaj kongresoj, kiam okazas ĉiam laŭstatute asembleo de la asocianoj, dum kiuj oni priparolas faritaĵojn kaj farotaĵojn, aprobas buĝetojn, elektas la asocian konsilantaron, ktp.: "La kongreso estas malfermita al ĉiuj, kiuj aliĝis al ĝi, sed la asembleo estas rezervita (rilate al voĉdonrajto) al la membroj de la asocio. Dum la ceteraj programeroj de la kongreso la uzata lingvo estas la internacia (kun eventualaj tradukoj en la kunvenoj kie ĉeestas neesperantistaj invititoj), ĉe la asembleo leviĝas la demando, kiun lingvon oni uzu. Fakte povas esti membro de la asocio ankaŭ homo kiu simpatias al Esperanto, pagas kotizojn kaj eĉ faras donacojn, sed ne sufiĉe regas la internacian lingvon. Tia homo rajtas plene partopreni la asocian asembleon, sen baroj. La statuto de la IEF estas skribita en la itala lingvo kaj en ĝi ne estas skribite ke la oficiala lingvo de la asocio estas Esperanto. Tiel, laŭ la opinio mia kaj de pluraj aliaj, en la asembleo oni devus uzi nur la nacian lingvon; kompreneble se alilingvano ĉeestas oni povas traduki aŭ resumi ion en Esperanto por li, se li tion petas. Aliaj asocianoj havas malsaman opinion kaj diras ke en la asembleo oni rajtas uzi ambaŭ lingvojn. Kaj fakte ĝis nun plej ofte oni tiel kondutis; sed tiel okazas ke kelkaj ne tute komprenas esperantlingvajn intervenojn aŭ ne kuraĝas mem paroli. Nu, mi deziras scii kiel la afero estas aranĝita en viaj asociaj asembleoj. Mi ripetas, ne temas pri kongresoj ĝenerale, sed nur pri tiuj kunvenoj en kiuj oni traktas internajn asociajn aferojn, precipe tiujn, kiuj havas juran efikon, kiel aprobon de bilancoj kaj elekton de gvidantoj. Scii la situacion ĉe la ceteraj landaj asocioj, povus helpi nin fari definitivan, ĝeneralan decidon. La rezulton de tiu ĉi enketo mi diskonigos."

***NR-***

*Ni sugestas malfermi en la paĝoj de BE "liberan tribunon" por la diversaj opinioj de nia membraro, profite kaj al nia propra situacio kaj al tiu de alilandanoj.*

## 90-a JARIĜO DE UEA

La 25-a de aprilo estis festata la fondo-datreveno de UEA per diversaj prelegoj pri Hector Hodler (Mark Fettes), Edmond Privat (Ed Borsboom), Ivo Lapenna (Ulrich Lins).Ĉeestis la eks-prezidantoj Gregoire Maertens, John Wells kaj nuna Lee Chong Yeong. Entute 120 vizitantoj alvenis kaj rekorde la Libroservo enkasigis 7041 gld.

## BABILEJO

La Kroata Televido elsendis la 9-an/05/98 45-minutan programon pri antaŭjuĝoj rilate Esperanton kadre de la porjunula programo "Babilejo", kiam du teamoj de mezlernejanoj argumentis por kaj kontraŭ Esperanto kaj la juĝista triopo juĝis. La argumentoj de la esperantistoj estis interalie ilustritaj per E-o kiel familia lingvo en la filmo de Tiŝlar "Kreski kun Esperanto". La 12 junaj esperantistoj el la kurso de Klubo Bude Borjan kuraĝe defendis diversajn aspektojn de E-o, tiel lerte ke du el la tri juĝistoj decidis favore al Esperanto.

## KONGRESURBOJ POR 2000 kaj 2001

La nuna estraro de UEA kunvenis por la lasta fojo en la Centra Oficejo la 26-an kaj 27-an de aprilo. Ĉiuj sep estraranoj ĉeestis la kunsidon, kiu pro la sabata Malferma Tago escepte okazis en dimanĉo kaj lundo. Apud la rutinaj organizaj kaj financaj demandoj la plej interesa punkto de la tagordo estis la elekto de la urbo de la UK en la jaro 2000. Kandidatis du urboj, Zagrebo kaj Tel-Avivo. Ĝenerala direktoro Osmo Buller, kiu esploris la kondiĉojn surloke en ambaŭ urboj, proponis elekti Zangrebon kaj opiniis, ke la situacio en Mez-Oriento estas tro malstabila kaj nesekura, pro kio estus tro riske, i.a. pro financaj konsideroj, elekti kongresurbon tie. La plimulto de la estraranoj tamen ne trovis tiun riskon tro granda kaj sekve Tel-Avivo ricevis la honoron. Siavice Zagrebo pretis okazigi UK en 2001, kion la Estraro akceptis.

## DUA KULTURA FESTIVALO DE ESPERANTO EN SANTIAGO DE KUBO

20-22/11/98

La urbo Santiago de Kubo situanta oriente de la insulo estas valo hufoforma aperte al la Kariba Maro. Fondita de Diego Velázquez en 1514 estas nun la dua plej grava urbo en Kubo, ĉirkaŭita de la maro kaj montoj, varma kaj ĝoja, ĝi rolos perfektan sidejon de bunta, kultura festivalo kiu prezentos la kuban kulturgamon en Esperanto, kies slogano estas: Frateco, Paco, Amikeco. Dum tri tagoj oni ĝuos prelegojn, artajn prezentojn deklame, teatre, muzike. La temoj de la prelegoj rilatos al jenaj aspektoj: Esperanto kiel kulturponto interpopola, ekologio kaj frateco interhoma, fonto de amo, paco kaj lumo al jaro 2000. Aliĝkotizo kostas US$ 395,00 kaj inkludas transporton aviadile de Havano al Santiago kaj reen kaj septagan restadon en hotelo kun maten-kaj-vespermanĝo. Aliaj ofertoj pri antaŭ aŭ post la festivalo mendeblas rekte al KEA-adreso: Alberto G. Rodriguez Pineda, Kuba Esperanto-Asocio, pk 5120 CU-Havano.Fakso (537)338729. email: kubesp@mail.infocom.etecsa.cu

## PREZENTO DE LA LIBRO

**"Sanga Nupto"**

En la ĵus okazinta Hispana Kongreso de Esperanto en Valladolid, inter aliaj libroj, oni prezentis la verkon de Federico Garcia Lorca "Sanga Nupto" (Bodas de Sangre), kiel omaĝo al la mondfama aŭtoro okaze de la 100-a datreveno de lia naskiĝo. La libron, 7-a numero de la serio "Hispana Literaturo", prezentis la tradukisto Miguel Fernández, kiu prelegis hispanlingve pri la universo de Lorca kaj la diversaj verkoj de la genia andaluza poeto aperintaj en Esperanto.

(El Boletin de HEF, Miguel Gutierrez).

## BELETRAJ BABILRONDOJ EN MONTPELIERO

En Montpeliero la ibera rondo de verkemuloj renkontiĝos ekster la oficiala UK-programo en t.n. beletraj babilrondoj. Bovenas ĉiu interesiĝanto pri literaturo. Informojn oni trovos supozeble sur tabuloj aŭ en la kongresa kuriero.

# MOVADO

## 2-a INTERNACIA LIBROFOIRO DE SAN-PAŬLO

La intervjuo en TV-SBT, de Jô Soares okazinta la 08-an/05/98 kun Ziraldo, kiu verkis "La Knabo Frenezeta", tradukita de la portugala al E-o de Kristoĉjo, 10-jara, ankaŭ ĉeeste kun lia patro R. Resende, rezultis per amasa vizitado al la stando de BEL, de scivolemuloj pri E-o. Ankaŭ la intervjuo influis rilate al la E-kurso perinterreta, kunordigita de D-ro Lunazzi, Campinas, kiu ricevis proksimume 160 mesaĝojn.



En la stando de BEL, Ivon Barbosa (prezidanto de EASP) kaj Francisco Mattos de Oliveira (Vic-prezidanto de BEL).

## TV-INTERVJUO DE XUXA

Sabate, la 30-an/05/98 la populara TV-prezentantino Xuxa intervjuis dumprograme Ziraldo, fama aŭtoro de spritaj tekstoj kaj desegnoj, pri la eldono de "La Knabo Frenezeta",tradukita de Kristoĉjo (Cristóvão Resende), ankaŭ ĉeestante. Kvankam ŝi ne sciis antaŭe pri la ekzisto de E-o kaj dubis pri ĝia venkocelo rilate la anglan, ŝi tamen elmontris intereson pri ĝi kaj je la fino komparis ĝin al "alia internacia lingvaĵo" tiu de la surdamutuloj, pli bone, *alfabeto...*

## ABE > AKE

Asocio Bonfara Esperantista komunikas la ŝanĝon de la nomo al Asocio Kooperativo Esperantista. Adreso: Caixa Postal 100.041 Niterói, RJ 24001-970.

## CARAGUATATUBA E-GRUPO

Sciigis ke en la 14-a/04/98, en la Urba Konsilara Ĉambro unuanime estis aprobita la leĝo n-ro 680/98 per kiu estas nomita "Esperanto"unu el la centraj placoj. La loka gazeto "Expressão Caiçara" publikigis ĝin la 24-an/04/98.

## REGIONA DELEGITA RETO DE UEA-BR

Laŭ jarraporto/97 de regiona delegito por BR-Oriento, Luiz Alberto de O. Coelho, la delegitaro respondis enketile je 43 sur 64 ekzistantaj; konsultoj al la RD: 15 sur 20; ricevitaj leteroj: 24; konsultoj: 28; gazetaraj artikoloj: 106; 32 partoprenis E-renkontiĝojn; Esperanto-periodaĵoj plej abonitaj: "Esperanto" (40), "Brazila Esperantisto" (27), "Juna Amiko" (18), "El Popola Ĉinio" (15).

## CONGONHAS, MG

Rádio Difusora de Congonhas, Programo Participovo informis laŭpete de samideano Sírio Silva, tie loĝanta, pri preteco de kontakto cele al praktikado de konversacio en E-o kaj eventuala aliĝo al nacia kaj internacia institucioj. Kelkaj interesiĝantoj tuj telefonis por peti aldonajn klarigojn kaj aliaj serĉis lin cele al informado. Sírio liveris al la radiostacio Esperanto-materialon (diskon de Sylla Chaves, ekzemplerojn de BE kaj Esperanto, de UEA).

## UK-2001/BR

Laŭ sciigo de LKK-Fortaleza, CE al CO-UEA, ne plu okazos en la planita jaro UK en Brazilo, pro malhelpoj pretigaj kaj nova dato estas proponita eventuale por la jaro 2002.

## NOVAJ ESTRAROJ

-ESPERANTO-ASOCIO DE BRASÍLIA:
Prezidanto: Lício de Almeida Castro, Vic-Prezidanto: Valter de Campos, Sekretario: Hamilton Caetano de Souza, Kasisto: Paulo Henrique Costa Gonçalves.

-IPATINGA ESPERANTO FRATECA GRUPO:
Prezidanto: Sebastião Rosa Machado, Vic-Prezidanto: Lindamar S.B. Magalhães, 1-a Sekretario: Edvaldo Silva Machado, 1-a Kasisto: Antônio Anísio P. Araújo, Bibliotekisto: Reinaldo Serápia Marinho kaj aliaj; Kultura Delegito: Laura Helena F. Castro kaj aliaj; Konsilantaro: Édison Lamas Neto, Cláudia Eliza P. de Oliveira kaj Elton Menezes Magalhães.

-PARANAA ESPERANTO-ASOCIO:
Prezidantino: Gloria Lucia Perine; Vic-Prezidanto: Gert Drucker, Sekretariino: Maria Luzineide de Souza Santos; Kasisto: Hermanito Christensen; Konsilantoj: Geraldo Mattos, Jorge Telles, Nanci de Carvalho kaj José Renato de Carvalho.

## DEZIRAS KORESPONDI

### KUBO:

-JORGE ISMAEL ABIGONA, 25-jara, laboras en komputado ĉe Hospitalo, studento pri Juro. Temoj preferataj: komputado, juro, naturo, kino, legado, antikva historio. TIOSO ÁVILA BORY, 45-jara, komputisto en la oficejo de la Ministerio pri Sano, diplomita pri geografio, konas la anglan kaj francan lingvon; deziras korespondi kun geesperantistoj el Brazilo, pri komputado, legado, geografio, kino kaj interŝanĝi fotojn. Ambaŭ deziras sciiĝi pri la vivo en la bela lando Brazilo. Adreso por respondoj: Apartado 51-C.P. 95100, Gantánamo, CUBA. (NOTO: Ambaŭ deziras helpon rilate komputilĉapelilon!)

### INTERLERNEJA INTERNACIA KORESPONDADO EN ESPERANTO, SERĈATA DE GEINSTRUISTOJ:

**AŬSTRALIO:** S-ino Dianne Lukes, c/o P.O. Meringandan, Aŭstralio, Q-4-352 (Aĝo 5-12).
F-ino Alana O'Neil, Carrum Primary School, Zalkers Road, Victoria 3197, Aŭstralio (Aĝo 7-12).
**BELGIO:** La Konketo, Conscience school, Stuiverstraat 81, B 8400 Oostende, Belgio (Aĝo: 9-10).
**BULGARIO:** Gimnazio C. Cerkovski, E-Grupo Verdaj Steletoj, BG-5180 Polski Trambeŝ, Bulgario (Aĝo: 10-11).
**KANADO:** Rawdon District Lernejo, Sesa Klaso, Upper Rawdon N 5, Kanado Bon 2 NO (Aĝo: 12).
**ĈINIO:** La E-o Klaso de S-ro Shan Chengru, Chinese Academy of sciences, 52 Sanlihe Road, CN-100864 Beijing, Ĉinio P.R.C. (Aĝo: 10-14).
**FRANCIO:** Ecole Primaire, p.a. Manjo Clopeau, 6 rue J.P. Calloé, F-22000 St. Brieu, Francio (Aĝo: 8-11).
Monique Noel, 141 rue du Mont Neuf, F-52230 Outreau, Francio (Aĝo: 13-15).
**ITALIO:** Padre Quirino Salomone, Centro Celestiano, Piazzo Collemaggio, Santa Maria di Collemaggio, I-67100 L'Aquila, Italio (Aĝo: 9-11).
**KROATIO:** Osuovua Ŝkola "Medvegrad", Strua Cesta 15,10 000 Zagreb, Kroatio (Aĝo: 10-14).
**LATVIO:** Strzduminzas internatskola, Julgas iela 14A Riga, LV-1024 Latvio (Aĝo: 12-13).
**LITOVIO:** p.a. Laimundos Abromas, LT-4432 Pilis, Jurbarko raj, Litovio (10-12).
**UKRAINIO:** T. Auderskaja, p/a Olga KUSHNIROVA, UI ATAMANA Golovatogo 40/42, 270003 Odessa, Ukrainio (Junulklubo: 13-18).

## PROJEKTO KKST

Ni estas ĉinaj esperantistoj kiuj iniciatis la projekton,internacie praktikeblan por popularigi la uzadon de E-o inter la infanoj diverslandaj, kun la titolo "Kune Kreskantaj sur la Terglobo (KKST)", kaj ni jam laboras en kelkaj urboj ĉinaj funkciigante E-kursojn por tieaj infanoj. La projekto utilas ne nur al tio ke la kreskado de la infanoj kiuj lernas kaj uzas E-on estas pli sana kaj bona en pedagogio, ĉar ili kreskas en internacieco kaj riĉeco de kulturoj kaj de sia infaneco ili lernas per sia propra praktikado kiel oni pli bone komprenas unu la alian, kaj estas aliaj lokoj sur la tero, kial la homoj devas bone zorgi sian medion, ktp. Ankaŭ la amiketoj estas tre utilaj reciproke por si kiam ili fariĝas plenaĝaj.
Ni volonte ricevas de vi ian helpon subteni la projekton: 1. Ĉu troviĝas ĉe vi infanoj 9-16 jaraj kiuj lernas kaj uzas E-on? Se jes, ĉu lin/ŝin interesas korespondado kun ĉinaj samaĝuloj E-uzantaj? 2. Ĉu vi eble povus donaci al la projekto iajn materialojn kiajn sonbendo, vidbendo, laserdisko, foto, libro, afiŝaĵo kaj similaj, kiuj povas esti uzataj por instigi infanojn lerni E-on?
Kiam hodiaŭ estas ankoraŭ same kiel la diro de Zamenhof ke preskaŭ ĉiuj esperantistoj estas ankoraŭ batalantoj de la interna ideo de esperantismo, ni prenas E-on nur kiel nian grandan hobion, sed ni devas ankaŭ pli pene labori por ĝia prospero en la nova jarcento. Ni esperas ke ni povus kunlabori en la projekto por ke pli multaj infanoj sur la tero kresku kune kun E-o, precipe por infanoj en Ĉinio kiu estas kun la plej multa nombro da loĝantoj.
Jen nia korespondadreso: S-ro-Zagh Jiping, Gong Nong Dalu 16-1, 5878 Chuanhu-tai, CN-130021, Changchun, Ĉinio. Niaj retadresoj: kokosoto@163.net kaj ccx@public.cc.jl.cn
Ni atendas vian respondon.



### ENPOSTENIĜO de EPISKOPO favora al Esperanto.

La Episkopa Moŝto Emanuel Messias de Oliveira, de Guanhães, MG enposteniĝis la 17-an de Majo, 98 kaj dum la BKE en Belo Horizonte, MG (1985), elmontris favoran sintenon al E-o, Kuncelebrinte kun forpasinta Pastro Petro Urbaitis, meson en E-o.

**"ZAMENHOF" VIZITIS LA 15-AN INTERNACIAN LIBROFOIRON EN SP**

Temas pri filo de esperantisto en Nordoriento de BR, kiu nomiĝas Zamenhof Sitônio, kiu vizitis la standon de BEL, tre simpatia, kun bonega prononco de sia nomo, kvankam ne aktiva movade. "Ni semas... kaj semas..."

## RENKONTIĜOJ

### 32-a E-RENKONTIĜO DE SUDPARAIBA VALO

14/06/98 - Piraí, RJ : Sub entuziasma gvidado de Marilda Souza L. de Paiva. Adreso: Rua Pio XII, 48. Piraí, RJ 27175-000. Tel. (024) 431-1271.

### ESPEREKO 98

Triafoje la jara okazigo de ESPEREKO efektiviĝis je la 1-a de majo, 98: Renkontiĝo de E-o, Sporto kaj Ekologio en Goiânia, GO ĉe Agroekologia Unuiĝo Santa Branca, de Jeremias Lunardelli Neto, partoprene de KEC-Kultura Esperanto-Centro de Goiânia, GO. En tiu urbo la Bazaro Kultura disponigas E-librojn. Adreso: Av. Goiás, 1247-Centro. Tel. 224-6941.

### 1-a LABORKUNSIDO DE SER

Dum la Renkontiĝo de Sudorienta E-Renkontiĝo, organizita de AERĴ en Rio de Janeiro, okazis Laborkunsido kiun partoprenis reprezentantoj de Ŝtatoj Rio de Janeiro (A. Sartorato), Minas Gerais (A. Assunção), São Paulo (G. Ledon), gvide de la Prezidantino de BEL (S.S.Ledon) kaj protokolis H. Gamal.Ĉeestis interesiĝantoj primovadaj, inter ili G. Mattos, P.S. Viana kaj L.A.O. Coelho, kiuj kontribuis per komentoj de agado. Elstaris la neceso de kunordigaj kaj interkomunikaj sistemoj ne nur ene de la Regiono kiel ankaŭ kun ceteraj Regionoj (SER/NOER) kaj regulaj raportoj inter si kaj BEL. La 2-a SER okazos en la jaro 2000 en São Paulo. (Ĉiujn du jarojn alterne laŭ Ŝtatoj RJ, SP, MG, ES).




XX Esperanto Renkontiĝo de Ŝtato San Paŭlo
Paulínia 98



**Lingvaj Problemoj en Industrio kaj Rilato al Esperanto**

| 5ª de septembro | | 6ª de septembro | | 7ª de septembro | |
|---|---|---|---|---|---|
| 8:00 - 9:00 | akceptejo | 8:00 - 9:00 | prelegoj, Esperantokurso | 9:00 | Solena fermo, ekskurso |
| 12:00 - 14:00 | tagmanĝo | 12:00 - 14:00 | tagmanĝo | 12:00 - 14:00 | adiaŭa tagmanĝo |
| 14:00 - 18:00 | libro-servo, prelegoj | 14:00 - 18:00 | prelegoj, Esperantokurso | | |
| 18:00 - 20:00 | vespermanĝo | 18:00 - 20:00 | vespermanĝo | | |
| 20:00 - 22:00 | solena malfermo | 20:00 - 22:00 | artvespero | | |

Organizado: **Kultura Centro de Esperanto** (KCE)
C. P. 1097; Campinas, SP, 13001-970
Tel. (019) 243-4588 telefakso (019) 272-5212
kultura@turing.unicamp.br
http://www.aleph.com.br/kce

Aŭspicio: **Esperanto Asocio de San-Paŭlo** (EASP)
Rua Faustolo, 124
São Paulo, SP
05041-000
Telefakso (011) 3862-1183

### 20-a Esperanto Renkontiĝo de Ŝtato San-Paŭlo,

05-07/09/98 - Paulínia, SP

"Lingvaj Problemoj en Industrio kaj Rilato al Esperanto".

Organizado: Kultura Centro de Esperanto
Caixa Postal 1097. Campinas, SP
13001-970. Tel. (019) 243-4588
Telefakso: (019) 272-5212
kulurq@turing.unicamp.br
http://www.alaph.com.br/kce
Aŭspicio: Esperanto-Asocio de San-Paŭlo
Rua Faustolo, 124 - São Paulo, SP
05041-000. Telefakso:(011) 3862-1183

## INFORMOJ

### MONATO

"Ni informas vin pri plia kampanjo kiun ni lanĉis **Abono 2000.** Ni petis mencii tiujn ĉi vortojn ĉe la pago, sed eble iuj forgesos. La oferto konsistas en tio, ke homoj kiuj abonas nun por unu kaj duona jaro, ricevas tri numerojn senpage. La kotizo enkasigenda do estas la kotizo valida por 1998 oble 1,5. La abonanto tiam ricevos Monaton ĝis fino de 1999. Kun amikaj salutoj, Jorg De Mulder, Abona Servo.

### FESTLIBRO POR D-ro ANDRÉ ALBAULT

Okaze de la 75-a datreveno de la naskiĝo de D-ro André Albault, longjara prezidanto de la Akademio de Esperanto, aperos ampleksa festlibro sub la titolo **De A al B.** La kontribuoj ampleksas vastan tempaletron el la kampoj esperantologio, interlingvistiko kaj literatur-scienco. La 19 aŭtoroj de la festlibro estas: M. Boulton, D. Broadribb, J. Champion, A. Csiszar, P. Dasgupto. C.J. Günkel, R. Haupenthal, A. Künzli, L. Shijun, C. Malli, G. Mattos, G. Neves, B. Ragnarsson, H. Tonkin, H. Vatre, A. Vedrine, E Vilborg, J. Wells kaj S. Yamasaki. Principe la volumo estu preta por la ĉi-jara UK en Montpellier. Kiu deziras enskribiĝi en la liston de la gratulantoj (Tabula Gratulatoria) aŭ/kaj ricevi pliajn detalojn (inkluzive de antaŭmendo) bv. kontakti la eldonejon: EDITION ILTIS, S-ino Irmi Haupenthal, B.P. 30 F-57520 Grobliederstroff-Francujo.

### NEKROLOGO

-Forpasis en monato Majo/98 la Esperantisto José Bastos Campos, FD de UEA pri turisma regiona informado, en Fortaleza, CE.

-Forpasis en monato Marto/98 la bibliotekistino de Taubaté Esperanto-Klubo, S-ino Catulita Cesar Bittencourt.

### BARILOCHE VIN INVITAS

Antaŭ iomete pli ol du jaroj estiĝis en Bariloche, AR eta barilochea Esperanto-Rondo. La vizito de brazilaj esperantistoj helpus multe stimuli tie entuziasmon kaj senton de esperantista solidareco. La anoj de Barilochea Esperanto-Rondo povus fari multe por pliriĉigi la feriojn de brazilaj esperantistoj kaj por malpliigi la kostojn de ilia restado apud la lago Nahuel Huapi en ties belega montara ĉirkaŭaĵo. Membroj kaj amikoj de BER kunlaborus volonte, trovi la plej konvenajn loĝejojn (luksajn, malmultekostajn aŭ eĉ senpagajn). Ili konsilus pri plej interesaj ekskursoj, verŝajne akompanus vin en promenoj al mirigaj pejzaĝoj kaj ĝoje vin akceptus en plezurigaj kunsidoj. Do, profitu tian okazon por ĝui viajn feriojn! Sciigu koncernajn planojn sufiĉe frutempe al: Barilochea E-Rondo, Castilla Correo 371. AR-8400, Bariloche, Argentino. Telefono: 0944-42170.

### KOVERTO-MAKARONIO-PAKADO

*MARKO "POPOLO"*

Trovita en Japanio, de nia esperantisto Waldomiro Arenhart, el Balneário Camboriu, SC



# EVENTOJ-KALENDARO INTERNACIE

## 54-a Internacia Junulara Kongreso de TEJO

en Rijeka-Kroatio. 25/07-01/08/98
TTT-paĝo de IJK: http//pubwww.srcc.hr/keja/54a.htm

## ĈE LA DOMPARO

Kultura Centro Esperantista
Postiers 27-CP 311-CH-2301
La Chaux-de-Fonds (Svislando)
Tel./Fakso (41) 32-9267407
Julio/98: Enkonduko al jogo, Interkultura komunikado, Turisma kaj lingvo (re) lerna programo. Aŭgusto: 1-a Forumo de Esperanto-Civito, 1-a Plurnivela Internacia Kursaro.

## 52-a Argentina Kongreso de Esperanto

09-12/10/98, Pcia. R. Sáenz Peña, Chaco, AR Temo: "Ni levu la nivelon de nia E-agado". Saenzpenja Esperanto-Klubo, 119y 122
AR-3700 Pcia. Saénz Peña, Cho.
E-mail: cefa@fai.unne.edu.ar

## Kultura Esperanto-Festivalo

20-22/11/98-Kuba Esperanto-Asocio
PK 5120, CU-10500 La Habana.

## 83-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

01-08/08/98 Montpellier, FR
Ĉeftemo: "Mediteraneo - Ponto inter Kulturoj".



## MALNOVAJ REVUOJ SERĈATAJ

Numerojn 279, 283, 287-290, 662-665, 688-690, 700-702, 718-725 de "Brazila Esperantisto" kaj 4-6 (1968) de "Literatura Kajero"serĉas Luiz A. de O. Coelho (Rua Moreira César, 220. Paraíba do Sul, Rio de Janeiro, 25850-000.

# ESPERANTO EN RADIO

(Aktualigas Marcelo Luiz Brasil)
*Nova Radio-Stacio elsendas en Esperanto. Pri la informoj respondecas la Radio-Stacio mem.* ***Skribu salutan leteron.***
Rádio Cidadania-102,5 FM. Radio-Programo:"Programa de Esperanto".Tago: Lundo. Horaro: 10.15 ĝis 10.30 h. Frekvenco: 102,5 FM. Parolanto: Alberto Flores, BEL/ UEA-delegito, Telefonoj: (024) 347-1900, Rádio Cidadania: Temoj: Informoj, komentarioj, intervjuoj, novaĵoj. Daŭro de la programo: 15 minutoj.

## 12-a Laborkunsido de Nordorientaj Asocioj.

Okazis en urbo Caruaru, la 1-an kaj 2-an de majo/98, laŭ informo de Pernambuka Esperanto-Asocio, kies prezidanto estas Luiz Márcio Assunção.

## 34-a Brazila Kongreso de Esperanto

19-a Brazila Esperantista Junulara Kongreso
19-24/07/98, Salvador, BA.
Ĉeftemo: "Esperanto kaj Interreto: Tutmondigo de la Komunikado".
Aŭspicio: Brazila Esperanto-Ligo
Organizado: Bahia Esperanto-Asocio (Caixa Postal 945-CEP 40001-970)
kongreso@svn.com.br
http//www.pppg.ufba.br/~cosme/bahia.html

# HUMURO

Ĝentileco.-

-Vi estas ja belega, kara Carmen!-
-Mi bedaŭras ne povi diri la samon pri vi-respondas ĝentile la alia.
-Nu, vere la solvo estas facila, faru kiel mi: ne diru la veron!-

# MALFACILAĴOJ DE ESPERANTO POR BRAZILANOJ

(Notoj por prelego en la Unua Sudorienta Renkontiĝo de Esperantistoj, Rio, 1998)

Laŭ nia propagando, Esperanto estas tre facila kaj lernebla en kelkaj monatoj. Kiel do klarigi la fakton, ke multaj veteranaj esperantistoj stagnas sur elementa nivelo, stumblas ĉe la samaj eraroj kaj ne sukcesas kontentige skribi leteron aŭ simplan gazetartikolon, des pli traduki ion beletran aŭ teknikan, aŭ eĉ senĝene paroli en la internacia lingvo?

Miaopinie la kaŭzoj de tiu problemo estas nesufiĉa atenta legado de bonaj verkistoj, neglekto de la gramatiko esperanta kaj nacilingva kaj, ankaŭ troa krokodilado. Sed ĝi eble estas influata de la struktura malsimileco inter Esperanto kaj la portugala lingvo, malgraŭ ilia eksterduba simileco leksikologia.

Por kontribui al la esploro de tiu demando, mi kompilis jenan liston kun ekzemploj de tipaj kaj oftaj eraroj, kiujn mi rimarkis dum mia multjara kontakto kun brazilaj lernantoj de Esperanto. Mi esperas, ke la ĉeestantoj per siaj komentoj helpos min perfektigi la liston per novaj kaj pli trafaj ekzemploj kaj analizi la motivojn de tiaj deflankiĝoj for de la gramatikaj reguloj.

1. Akuzativo.

1.1. Hieraŭ parolis kun mi du amikojN. (Ĉar la plej ofta vortordo en la portugala estas subjekto/verbo/objekto, oni ŝajne inklinas pensi, ke la lasta frazero estas rekta objekto. Eraro facile evitebla per analizo de la frazo. La ĝusta formo kompreneble estas amikoj).

1.2. Oni ne povus ŝin nomi maljunulinoN. (Maljunulinon estas la korekta formo. Ĉi tie oni konfuzas la predikativon de la objekto kun la objekto mem).

1.3. Li rigardis, kioN okazis al vi. (Korektu: kio okazis... Eble la elipso de la demonstrativo TION-el la kompleta frazo "li rigardis tion, kio okazis"-erarigas la lernanton/Ĉar kio estas subjekto de la subpropozicio "kio okazis al li" ĝi kompreneble estas nominativa).

1.4. Li vidis, kiO vi faris. (Kion vi faris, ĉar fari estas transitiva kaj kion estas ĝia rekta objekto. Ĉi tiu eraro montras, ke la lernanto miskomprenas bazan gramatikan koncepton, en Esperanto kaj en la portugala, kaj devus do revizii la ĉapitron "Sintakso"en iu bona gramatiko. Estas ja malfacile, se entute eble, fari progresigan aŭ superan kurson de Esperanto sen ia minimuma kono pri ĝenerala gramatiko).




2. Prepozicio.

2.1. Pensi en la aliaj. (Legu: pensi pri. Por ĝuste uzi la prepozicion, oni devas liberiĝi de nacilingva influo kaj pensi rekte en Esperanto. Tion oni atingas per atenta ĉiutaga legado de bonaj aŭtoroj, ĝis la menso saturiĝas per la korektaj formoj kaj strukturoj kaj ensorbas ilin.

2.2. Li trovis sin en (sur) la vojo.

2.3. Ŝi fiksis lin kun (per) siaj okuloj.

2.4. Veturi cent kilometrojn po horo. (Veturi po cent kilometroj en horo). Verŝajne tiu erara uzo de PO okazas ne nur ĉe brazilanoj, sed ankaŭ ĉe alilandaj lernantoj, ĉar Plena Ilustrita Vortaro speciale atentigas, ke PO enkondukas ĉiam la distribuatan kvanton kaj ne la unuojn inter kiuj oni ĝin dividas).

2.5. Enmiksi tri gutojn po glaso da akvo. (Devas esti: po tri gutoj en glaso).

2.6. Ĉesu de labori. (Ĉesu labori).

2.7. Esti kontenta kun (pri) io.

3. Participo.

3.1. Dio helpante, ni venkos. (Se Dio helpos, ni venkos, aŭ: Helpate de Dio, ni venkos. La eraro venas de rekta influo de la portugala kaj latina lingvoj, en kiuj estas normala tia strukturo. Sed en Esperanto la uzo de participa formo nur tiam estas ebla, kiam ĝia subjekto estas tiu sama de la finitiva verbo.

3.2. La avo manĝinte, ni foriris. (Kiam la avo finmanĝis, ni foriris).

3.3. Finita la kunveno, oni kantis la Esperon. (Post la fino de la kunveno...)

3.4. Mi vidis la knabon kantante. (Multaj uzas tiun frazon por traduki la portugallingvan: "vi o menino cantando" (menino a cantar, ou que cantava). Sed laŭ menciita regulo, la subjekto de kantante nepre estas la sama de vidis. Do tiu frazo signifas: "cantando, vi o menino". Sekve, por traduki "vi o menino cantando (a cantar)", oni devas diri: "mi vidis la kantantan knabon", aŭ "mi vidis la knabon kiu kantadis".

4. Adverbo

4.1. Portugale: nem todos os homens têm o mesmo caráter.

Nek (ne) ĉiuj homoj havas la saman karakteron.

4.2. Não perdia nenhum filme.

Li ne perdis nek unu filmon. (Eĉ unu filmon li perdis).

4.3. Pli forta ol neniam. (Ol iam antaŭe).

4.4. Ĝis la filoj forlasis lin. (Eĉ la filoj forlasis lin).

La ekzemploj sub la numero 4 ankoraŭfoje montras la danĝeron de laŭlitera tradukado. Nepre necese estas kompreni la signifon de ĉiu vorto, gardi sin de la sola uzado de dulingva vortaro, sed konsulti akaŭ PIV aŭ PV...

5. Nerekta parolo.

5.1. O próprio rei achou que o povo tinha razão.

Al la reĝo mem ŝajnis, ke la popolo estis (estas) prava.

5.2. Ele disse que viria hoje.

Li diris, ke li venus (venos) hodiaŭ.

Tre ofte la lernanto forgesas, ke, en Esperanto, la tempo en la nerekta parolo devas esti tiu sama uzata en la rekta.

6. Pronomo.

6.1. Petro kaj sia (lia) filo promenas. (La refleksiva pronomo rilatas al la subjekto, sed ne povas mem esti subjekto de la frazo. Alia solvo estus: "Petro promenas kun sia filo".

6.2 Foi uma grande perda. Estis (tio estis, aŭ ĝi estis) granda perdo. Esperanto en tiaj frazoj postulas eksplicitan subjekton, eĉ se ĝi ne aperas en la portugala originalo).

7. Verbo.

7.1. Embora tudo esteja difícil, venceremos. Kvankam ĉio estu (estas) malfacila, ni venkos. (La finaĵo U de la volitivo estas uzata kiam temas pri volo, ordono, deziro aŭ peto. Se temas pri simpla konstato, oni uzu la indikativon).

8. konjunkcio.

8.1. Mi ne scias, se (ĉu) li venos. (Oni uzu se, kiam temas pri kondiĉo, ne en okazo de nerekta demando).

8.2. Kiel (ĉar) estis malfrue, li foriris. (Ĉi tie temas pri kaŭzo, do la konjunkcio devas esti ĉar, ne kiel.)

9. Prononco. Ni brazilanoj emas misprononci kalkajn sonojn de Esperanto, ekzemple:

9.1. D kaj T antaŭ I, kun la sonoj ĝ kaj ĉ.

9.2. Komencan R kiel Ĥ (gorĝa).

9.3. L kiel Ŭ (alta).

9.4. Nazaligo de M kaj N, kiuj devus esti prononcataj laŭ la itala maniero.

10. KONKLUDO

Kiu ajn skribas aŭ parolas, en Esperanto aŭ en alia lingvo, tiu riskas erari, kaj eĉ talentaj verkistoj iam kaj iam ankaŭ pekas. Pritraktante tiun temon, mi do intencas ne kritiki aŭ senkuraĝigi lernantojn, sed atentigi pri la sistema ripetado de la supre montritaj erartipoj, kaj iel kunhelpi por ilia forigo.

FLORIANO PESSOA, aprilo 1998.

# BEL INFORMAS



## 1. ESPERANTO EN LA LIBRO-FOIRO DE SAN-PAŬLO

. Partnere kun Esperanto-Asocio de San-Paŭlo kaj kun apogo de esperantistoj el aliaj brazilaj urboj, la duan fojon en sia historio BEL partoprenis la tutmonde faman dujaran librofoiron de San-Paŭlo.Tiam ĉirkaŭ 40 000 faldfolioj estis disdonitaj. Speciala projekciilo prezentis resumajn informojn pri Esperanto ene de la stando.

. La porinfana libro "Knabo Frenezeta", de la fama brazila verkisto Ziraldo, Tradukita en Esperanton de la knabo Cristóvão Resende, lanĉita de la ne malpi fama Eldonejo *"Melhoramentos"*, de San-Paŭlo, estis unu el la plej venditaj. BEL kontaktis la eldoniston kaj fariĝis internacia distribuanto de la libro, disponebla en BEL-Libroservo. Ziraldo jam rajtigis la tradukon de "Flict", alia fama porinfana libro de la verkisto, por ebla lanĉo de la sama eldonejo en esperanta versio la venontan jaron.

. La eldonejo "Fênix", eldonisto de belegaj porinfanaj libroj, kies temoj estas brazilaj indiĝenaj legendoj kaj folkloro, interesiĝis pri la tradukado de siaj ĉirkaŭ 40 titoloj en Esperanton. BEL-reprezentanto kaj la prezidanto de la eldonejo, S-ro Mario Tomini, faris la kontaktojn kun D-ro Paulo Sérgio Viana, kiu sin proponis traduki la 4 unuajn librojn.

. D-ro Lair Ribeiro, fama kuracisto kies libroj furoras en Brazilo, interkonsentis kun BEL-reprezentanto pri la traduko de sia fama libro "Sucesso não ocorre por acaso". La tiucelaj demarŝoj daŭras kaj ni esperas bonan rezulton.

. La eldonistoj de la revuo "Se liga", kiu celas la adoleskantan medion, same interesiĝis pri la publikigo de la revuo en Esperanto, kajerforme. Laŭ la unuaj demarŝoj faritaj inter BEL-reprezentando kaj S-ro Milton Consentino, direktoro pri surmerkatigo de la eldonejo, je la ĉeesto de direktoro de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo, la revuo, kiu aperos naciskale je 100 000 ekzempleroj post kelkaj monatoj, sin proponas publikigi senpagan anoncon pri BEL, disponigi al ni paĝojn por aperigo de artikoloj pri Esperanto kaj eĉ de nia Baza Perkoresponda Kurso!

. Nia stando ricevis la prestiĝan viziton de D-ro Waldo Dieste Sánchez kaj D-rino Gilsa Cabrera Leal, funkciuloj de Kuba Esperanta Medicina Agado kaj de la Ministerio pri Publika Sano de Kubo.

. Por la sukceso de la partopreno de Esperanto en la librofoiro kontribuis kaj deĵoris en nia stando, laŭ alfabeta ordo, la gesinjoroj André de Paiva Salum, Antonio Moreira Filho, Aparecida de Lurdes de Lucas, Aparecida de Souza Araújo, Aparecida Dorta Soares, Carlos Eduardo de Oliveira, Cícero F. Arruda, Deise Salgado, Edson Roberto de Oliveira, Etevaldo de Souza Pereira, Francisco Mattos de Oliveira, Gilbert René Ledon, Ivon Barbosa, James Resende Piton, Joel Afonso Francisco, José de Souza Almeida, José Roberto Tenório, Josias Aparecido Andrade, Lair Alves Moreira, Laura Durães Costa, Luiz Roberto de Oliveira Coelho, Luiz Henrique Rodrigues de Araújo, Mariselli Zimmermann, Maria Cecília Milani, Nádia Conceição Lauriti, Paulo José Amariz, Symilde Schenk Ledon, Tobias Ferreira, Vitorina Pereira Soares, Walkiria Vernacci Lara Rubio.

. BEL jam rezervis standon por venonta partopreno en la librofoiro, kiu ek de 1999 fariĝos jara!

## 2. LA SPACO DE BEL PLIGRANDIĜAS!

BEL akiris pliajn 3 ĉambrojn en la sama konstruaĵo kie ĝi sidejas! Nuntempe BEL okupas 7 propr ajn ĉambrojn, nome 1 en la konstruaĵo Jockey Club kaj 6 en la konstruaĵo Venâncio III, krom 2 ĉambrojn pruntitaj de samideanoj. Entute 9 ĉambroj, kun proksimume 350 kvadrataj metroj.

## 3. LERNOLIBRO "ESPERANTO PARA PRINCIPIANTES"-

BEL fariĝis ekskluziva distribuanto de la libro "Esperanto para principiantes", de Aloísio Sartorato por la tuta lando, escepte de la Ŝtato Rio de Janeiro, kie la libro aĉeteblas ĉe la aŭtoro, ĉe Kultura Kooperativo de Esperantistoj aŭ ĉe Asocio Esperantista de Rio-de-Ĵaneiro.

## 4. BRILA SOLENAĴO FESTIS LA 36-JARIĜON DE E-ASOCIO DE BRASÍLIA

En la pasinta 21-a de aprilo EAB festis sian 36-jariĝon. Ĉirkaŭ 150 homoj partoprenis la solenan sesion en la Komerca Asocio de Federa Distrikto. La prezidanto de EAB, D-ro Lício de Almeida Castro, prelegis pri la historio de la Asocio, emfazante la eks-prezidantojn, ĉefe la fondinton de la Asocio, S-ro Nelson Pereira de Souza. Prelegis aliaj aŭtoritatuloj, inter ili la Direktoro de la Interlerneja Lingvo Centro de *Plano Piloto*, Profesoro Devanízio Apolinário dos Santos, la deputito Jorge Cauhy kaj la Vic-Prezidanto de BEL, S-ro Francisco Mattos de Oliveira, kiu prognozis grandan progreson de la ĉefurba movado, kiu certe fariĝos modelo en la venontaj jaroj. La distra parto de la solenaĵoj prezentis la koruson de la Laboristoj de la Publika Federala Ministerio kaj muzikojn de la kantisto kaj komponisto Flávio Fonseca, krom lotado de esperantaĵoj, de perkoresponda-kurso de BEL kaj de vojaĝ-bileto al la ĉi-jara brazila kongreso de Esperanto.

## 5. NOVA ELEKTRONIKA APARATO-

La BEL-Departemento pri Informadiko kaj pri (DIM), ĵus aĉetis LCD projekciilon SHARP Modelo XG-E1200U, je valoro de R$ 11.000,00 (dek unu mil realoj). La projekciilon BEL uzis sukcese dum la Librofoiro de São Paulo. La aparato kapablas projekcii bildojn, mesaĝojn, kursojn ktp., sur ekrano ĝis 7,2 metroj larĝa kun, granda difino.

## 6. O CÂNCER TEM CURA-

BEL-Libroservo kontaktis la aŭtoron de la furora libro "Câncer tem cura!", Frato Romano Zago, OFM, kiu rajtigis ties tradukon en Esperanton. Ni jam faras la necesajn paŝojn cele al publikigo de la libro.



Kelkaj libroj el eldonejo "Fenix"

# ESPERANTISTO,

Kiel vi jam scias, UEA determinis la unuan sabaton de oktobro kiel estiĝon de AGO-TAGO. En tiu ĉi tago, la esperantistoj tutmonde, en grupoj aŭ unuope, sin dediĉos al manifestacioj por Esperanto.

Do, ĉu vi jam planis la vian **ago-tago ?**

*PATRO NIA*

*Patro nia, kiu estas en la ĉielo,*
*Via nomo estu sanktigita.*
*Venu Via regno, plenumiĝu Via volo,*
*kiel en la ĉielo, tiel ankaŭ sur la tero.*
*Nian panon ĉiutagan donu al ni hodiaŭ.*
*Kaj pardonu al ni niajn ŝuldojn, kiel ankaŭ*
*ni pardonas al niaj ŝuldantoj.*
*Kaj ne konduku nin en tenton,*
*sed liberigu nin de la malbono.*

*(Sankta Mateo, 6:9-13)*

***12-a Aprilo 1998 - Centjariĝo de la unua teksto publikigita en Esperanto en Brazilo***

*La 12-a de aprilo 1898, Arthur de Azevedo publikigas en la ĵurnalo "O Paiz" la tekston pro tio, ke ĝi estas treege konata, tiel faciligante la komparadon kun la teksto en la portugala lingvo.*

Malkovro de Brazilo

Brazilo estis malkovrita en la jaro 1500 Unue oni nomis ĝin Insulo de Vera Kruco poste Tero de Sankta Kruco kaj fine Brazilo. Tiu kiu malkovris Brazilon estis la portugala navigisto Petro Alvares Kabral Li foiris de Rivero Taĥo en Lisbono antaŭ ŝiparo kun 13 ŝipoj en la tago 8-a de Marto 1500. La 22-an de Aprilo li ekvidis teron, kiun li nomis Monto Paska, ĉar estis monto kaj estis Pasko.






# LA KNABO FRENEZETA

BRAZILA ESPERANTISTO



CAIXA POSTAL 269 - BR - 12460-000
CAMPOS DO JORDÃO/SP - Tel./Fakso - (012) 262-1983

**BRAZILA ESPERANTO-LIGO**

Caixa Postal 03625
BR-70084-970 - Brasília (DF)
Telefono (061) 226-1298 - Fakso (061) 226-4446